# REGo

 **RUSIA ESPERANTO-GAZETO** 

*komuna eldono de REU kaj REJM* *№ 6 (13) decembro 2002*



du ekstremoj de la kongresanaro en REK-22: Nikolao Gudskov, elektita kiel REU-Prezidanto, kaj komencantino Ksenija Burgar - ĉu nuntempo kaj estonto de nia movado?





***Moskvo, 2002***

# *Atingoj de la Jaro en Rusia Esperanto-movado*



**Rusia Esperantisto – 2002:**

***1. Vjaĉeslav Ivanov***

***2. Andrej Grigorjevskij***

***3. Nikolaj Gudskov***



**Kantisto – 2002 kaj Poeto – 2002:**

***Mikaelo Bronŝtejn***




**Aranĝo – 2002:**

***RET-02 apud Kovrov***

**Esperantaĵo – 2002:**

***REGo***



REGo

☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*komuna eldono de REU kaj REJM* *№ 4 (11) aŭgusto 2002*

*en la numero:*

*unuaj rezultoj de OkSEJT-42*

*rakontoj pri IvERo-3, RA-2, BEF, BET, REJo*

*Kongresa Rezolucio de UK-87*

*aperis nova PIV kaj nova eldono de E-rusa vortaro de Bokarev*

*ĉi-jaraj premiitoj de la Belartaj Konkursoj*

*traduko de "La naĝanto" de John Cheever*

*"Bulteno de REU" kaj "REJM-info"*

*"Libra revuo", literaturaj paĝoj kaj multo alia*



*tiun ĉi plakaton pentris Jelena Staricina por la renkontiĝo RA-2 en Novosibirsk (estas skribite "Ĉu vi ellernis Esperanton?")*

*Moskvo, 2002*

# REK-22

La 22-a Rusia Esperantista Kongreso okazis, kiel estis planite, de la 12-a ĝis la 16-a de decembro 2002 en la apudmoskva urbeto Puŝĉino. En ĝi partoprenis 48 esperantistoj el 16 urboj: 14 – el Moskvo, 12 – el Ribinsk, 4 – el Sankt-Peterburgo, po 2 – el Jekaterinburg, Kostroma, Odincovo, Severodvinsk, Volgodonsk, po 1 – el Ivanovo, Jaroslavlj, Maĥaĉkala, Murmansk, Rostov-na-Donu, Taŝkent, Tiĥvin, Uljanovsk.

Pli ol duono de kongresanoj estis membroj de REU, tial la Konferenco de REU (en kiu partoprenis ankaŭ kelkaj nemembroj) okupis leonan parton de kongresa programo. Pri la Konferenco kaj ĝiaj rezultoj vi povas legi en la Bulteno de REU. El la nekonferenca parto de la kongresa programo menciindas la kvizo pri E-literaturo kaj historio, preparita de Viktoro Aroloviĉ, la prelegoj de Irina Gonĉarova (pri Norvega E-movado) kaj de Oĉjo Dadaev (pri alfabetoj), la koncertoj – de Mikaelo Povorin (veninta al REK speciale por la koncerto), de Oĉjo Dadaev, de Irina Boĥina kaj Aleksandr Vikulov (komencantaj esperantistoj, studantoj de "Gnesinka"), de la ribinskanoj, krome dum la vesperoj al kultura programo de la Kongreso kontribuis ankaŭ aliaj kongresanoj per apartaj elpaŝoj (versoj, tradukoj, kantoj, dancoj, anekdotoj ks.). La noktaj enĉambraj kantadoj estis ne malpli longaj kaj ardaj ol dum pli multnombraj aranĝoj.




*junaj ribinskanoj; la dua de dekstra flanko – Nadeĵda Gogulina*

Pri la ribinskanoj indas rakonti aparte. Nadeĵda Gogulina, kiu instruas Esperanton en Ribinska Centro de Infana Kreado, sukcesis en sia urbo interkonsenti pri subvencio kaj dank' al ĝi venigis al la Kongreso 12-personan grupon, konsistantan plejparte el lernejanoj. Ili preparis koncertan programon, kiu enhavis kantojn, dancojn, deklamadon de versoj. Kaj ĝenerale la gejunuloj el Ribinsk tre vivigis la etoson de la Kongreso.

Dum la Kongreso okazis ankaŭ la sinprezento de la eldonejo "Impeto", kiu ĝuste ĉi-decembre festis dekjariĝon de sia apero.

Alia interesa rezulto de la Kongreso estas okazinta voĉdono pri Atingoj de la Jaro 2002 en Rusia E-Movado. El proponoj en la kongresaj aliĝiloj la Estraro de REU elektis po 5 kandidatoj al ĉiu branĉo (estis decidite, ke la pasintjaraj laŭreatoj ne estu kandidatoj ĉi-jare). La 14-an de decembro okazis prezento de ĉiuj kandidatoj, kaj poste (la 14-an kaj 15-an) sekvis la voĉdonado de ĉiuj kongresanoj. La rezultoj de la voĉdonado estis anoncitaj la 15-an de decembro, dum la solena festa vespermanĝo, dediĉita al Zamenhof-tago; vi



*unu el la plej popularaj ejoj - libroservo*


*solena festa vespermanĝo en Zamenhof-tago*

povas vidi ilin en la dua kovrilpaĝo de tiu ĉi numero. La plej streĉa konkurenco estis en la branĉoj Rusia Esperantisto-2002 kaj Aranĝo-2002, kie la laŭreatoj kolektis nur je unu voĉo pli ol la sekva kandidato.

En la Kongreso estis prezentitaj du novaj muzikdiskoj: antaŭ nelonge aperinta en Tiĥvin nova disko "Esperantujo mia..." kun la movadaj kantoj de Mikaelo Bronŝtejn kaj finproduktita unu tagon antaŭ la Kongreso "La lingvo por ni" – la tria disko en la serio "Oraj kantoj".

Kiel kutime, dum la lasta kongresa kunsido estis akceptita decido pri la sekva, 23-a REK. Ĉi-foje la decido estis jena:

*Proponi al la Estraro de REU kaj la Komitato de REJM trakti la demandon pri samloka kaj sinsekva organizo de REK kaj EoLA printempe de 2004.*


*efiko de lacigaj tagoj kaj sendormaj noktoj*

La Estraro de REU jam subtenis tiun ĉi ideon. Do, la decido dependas de opinio de la REJM-komitato. Ajnaokaze mi esperas, ke Rusiaj Esperantistaj Kongresoj iom post iom stabiliĝos kaj vere fariĝos unu el ĉefaj kaj la plej interesaj E-aranĝoj en nia lando, ĝuste tiel ja devas esti!

***Garik Kokolija (Moskvo)***

---




## StRIGo – EN JELEC

La 7-10-an de novembro okazis tradicia ĉiujara renkontiĝo StRIGo (Studa Renkontiĝo de Iniciatema Generacio), ĉi-jare – kun la temo "Blanka kaj nigra: kontrastoj kaj interdependeco". Transformiĝinte en blanka-nigran Zebron, ĉijara StRIGo (jam la 8-a) tragalopis dum 4 plenaj tagoj. En ĉarma, malgranda lernejo en glora urbo Jelec plenzorge gastigis StRIGon la loka klubo.

Jen kelkaj statistikaj faktoj: oficiale aliĝis 58 personoj el jenaj landoj, urboj kaj regionoj: Rusio – Jelec (26), Moskvo kaj ĉirkaŭaĵoj (17), Ivanovo (4), Dimitrovgrad (3), Lipeck kaj regiono (2), Tula kaj Kostroma – po 1; Ukrainio – 3; Katalunio (Hispanio) – 1. 42 partoprenintoj unuan fojon vizitis StRIGon, por 24 el ili tio estis la unua E-a renkontiĝo! Laŭ la lingva posedo StRIGanoj dividiĝis tiel: startuloj – 18, komencantoj –

13, progresantoj – 17, aplikantoj – 10. Do, nia StRIGo aspektis kiel internacia renkontiĝo, en kiu partoprenis multe da novuloj.

Tradicie dum StRIGo funkciis E-kursoj por 4 menciitaj niveloj. Okazis multaj diverstemaj kursoj, prelegoj kaj psikologiaj ludoj, neforgeseblaj blanka-nigra karnavalo kaj konkurso de kostumoj, ekspozicioj de blank-nigraĵoj, poezi-kanta vespero. Ĉi-jare enkadre de StRIGo funkciis Orienta Korto – speciala ĉineske dezajnita ĉambro, kie oni okazigis diversajn orientajn kaj orienteskajn programerojn: teaj ceremonioj, kursoj pri masaĝo kaj aroma terapio, prelego pri samurajoj ktp. La loka E-klubo organizis por ni bonegan ekskurson tra la urbo, nin vizitis pantomima teatro kaj pitoreskaj vikingoj el la loka historia klubo.



*hisado de la flago dum la inaŭguro*



*Sveta Gonĉarova – gajninto de la konkurso de kostumoj*

Speciale menciindas pro ilia kontribuo al la programo niaj eksterlandaj gastoj Vladimir Soroka (Ukrainio) kaj Miquel Gomez i Besos (Katalunio). Vladimir gvidis sian E-kurson "Septima" kaj prelegis pri PR en Esperanto. Miquel rakontis pri TEJO kaj ankaŭ pri lingva kaj nacia situacio en la nuntempa Hispanio.

Interese funkciis La Lingva Disciplino – la Verda tempo (de vekiĝo ĝis la fino de E-kursoj tagmeze) kaj Verdaj spacoj (speciale en la manĝejo). La OT inter si praktike neniam krokodilis; kelkaj homoj, subskribintaj la Verdan Liston, tute neniam rompis la lingvodevon. Multe kontribuis al la lingva etoso la rus-ne-parolanta Miquel, komunikiĝema kaj strebanta paroligi ĉiujn.

La fotaron pri la 8-a StRIGo eblas vidi ĉe <www.gagarinclub.ru/~gecxjo/index.htm>.

***via Organiza Teamo (Mirina, Katjona, Roma, Libera, Grimpi, Sveta, Onjo)***

---

## TERo-6 KUN LA TEMO "FAMILIO" ESTIS VERE FAMILIA!

Dum la novembraj festotagoj en Kazanj tradicie okazis Tataria Esperantista Renkontiĝo (TERo-6). Ĉi-jare ni decidis antaŭ la renkontiĝo unuafoje en Tatario organizi Lingvan Festivalon (LF-1). La ideo organizi LF-on en Kazanj venis antaŭ longe, sed kazanaj esperantistoj ankoraŭ ne estis pretaj organizi ĝin memstare, kaj ni ne povis veturi al Kazanj speciale por tio (pro monaj kialoj). Kaj ni decidis okazigi la aranĝojn kune en la sama lernejo. Do, la Festivalon kune kun kazananoj organizis geesperantistoj el Ĉeboksari, Novoĉeboksarsk, Uljanovsk, Niĵnij Novgorod kaj Pollando, kiuj venis al Kazanj unu tagon antaŭe.

La Lingva Festivalo okazis la 7-an de novembro en lernejo, ĝi enhavis prezentojn de 10 lingvoj kaj lingvistan konkurson. Tio estas bona por unua fojo, kaj la lingvoj estis prezentitaj

vere bone: kun kostumoj, dancoj, muziko, fotoj, libroj ktp. La plej popularaj lingvoj estis la japana, la hispana kaj Esperanto. Bedaŭrinde venis malmulte da studentoj kaj lernejanoj, por kiuj ni tion faris, sed tiuj, kiuj venis, diris, ke sekvontfoje ili alkondukos ĉiujn siajn amikojn. Post la LF ni teumis kun la instruistoj, kaj post la diskutado mi kredas, ke la 2-a Lingva Festifalo en Kazanj okazos nepre kaj estos vere granda kaj sukcesa, preskaŭ kiel la ĉeboksara (tamen ĝi nomiĝos Lingva Forumo kaj ĉeforganizanto estos japana centro!).

La 7-an vespere komenciĝis la 6-a Tataria Esperantista Renkontiĝo kun la temo "Familio". Komence ĉiu el ni plenigis enketilon pri si kaj sia ideala partner(in)o. Kaj poste okazis tema diskutado kun ekspertoj (3 esperantistaj familioj) pri familiaj stereotipoj. Evidentiĝis, ke familion ni tamen bezonas. Nokte estis longa-longa kantado.

La 8-an matene okazis 4-hora ATS pri familio: historia evoluo de familio, kiel krei familion kaj kiel disfaligi ĝin, kia devas esti ideala familio, tradiciaj kaj netradiciaj (alternativaj) familioj (kun ekzemploj) ktp. Post la tagmanĝo estis interesa urba ludo (dividiĝinte je 3 teamoj, ni serĉis diversajn historiajn monumentojn de la bela antikva urbo Kazanj). Dum ĉi tago 3 paroj, elektitaj laŭ la enketiloj, estis ligitaj unu kun la alia per ŝnuro (tia eksperimento psikologia). Travivi la tagon vere kune sukcesis nur unu paro.

Vespere okazis kurso de tre facila kaj interesa nova artefarita lingvo Toki Pona kaj kurso de masaĝo. Sekvis ludo kun 3 hazarde elektitaj paroj (simile al edziĝfestaj konkursoj). Post la ludo anstataŭ tradicia vespero de tatara kulinaria arto okazis... edziĝfesto de geesperantistoj Julja (Kazanj) kaj Ljoŝa (Permj)! Nokte ni dancis (fine vere familia rondo rezultis), ludis (plejparte "Mafion"), kantis kaj babilis.

La 9-an okazis daŭrigo de la kurso pri amuza primitivista lingvo Toki Pona, kiu tre plaĉis al ĉiuj partoprenantoj (toki pona li toki pona!), kaj rakonto pri agado de "Greenpeace", gvidataj de Oleg Izjumenko el Moskvo.

Entute TERon-6 partoprenis nur 32 homoj (en TERo-5 estis 60) – el Kazanj, Ĉeboksari, Novoĉeboksarsk, Niĵnij Novgorod, Uljanovsk, Moskvo kaj Pollando, sed pro tio la renkontiĝo fariĝis vere familia!

Mi ne volis disiĝi kun malnovaj kaj novaj amikoj, kiuj vere iĝis miaj familianoj... Kaj mi certas, ke mi ofte rememoros tiun familian etoson en la malluma dancejo!

***Sergeo Tiĥonov (Novoĉeboksarsk)***

---



*prezento de la armena – helpas eĉ la dancoj*

## LA 7-A LINGVA FESTIVALO EN ĈEBOKSARI

Lingva Festivalo estas verŝajne la plej interesa aranĝo, kiun esperantistoj en diversaj landoj okazigas por ekstera publiko. LF en Ĉeboksari estas unu el la plej malnovaj kaj la plej granda LF en la mondo. Ĉi-jare ĝi okazis jam la 7-an fojon, de la 18-a ĝis la 20-a de oktobro.

Al kutimaj sabato-dimanĉo aldoniĝis vendredo, kiam inter 2 studentaj teamoj okazis lingva KGS kun la temo "Orientaj civilizoj", unu el la teamoj prezentis Japanion, la alia – Hindion.

Sabate kaj dimanĉe, post la solena inaŭguro, okazis prezentoj de pli ol 40 lingvoj. Kiel kutime, multnombraj vizitantoj (ĉi-foje – pli ol 500), plejparte studentoj kaj lerne-

janoj, kuradis inter la aŭditorioj, strebante konatiĝi kun diversaj lingvoj, popoloj kaj kulturoj. Krome sabate koncertis la grupo "Racoons" (Niĵnij Novgorod), kiu tre bele kaj dancige prezentis irlandan muzikon. Dimanĉe krom la prezentoj okazis ronda tablo "Esperanto estas mondo en via poŝo", renkontiĝo kun honoraj gastoj kaj tre interesa internacia koncerto. Speciale al la Festivalo venis gastoj el Belgio, Kroatio, Pollando, Sankt-Peterburgo, Moskvo, Niĵnij Novgorod, Uljanovsk, Joŝkar-Ola k.a.

Antaŭ la Festivalo okazis Karavanoj (malgrandaj Lingvaj Festivaloj en lernejoj) en Ĉeboksari kaj Novoĉeboksarsk, renkontiĝoj kun la gastoj kaj lingvaj konkursoj ĉe la ĉuvaŝiaj radiostacioj kaj televido, konkursoj pri pentraĵoj en lernejoj de Ĉeboksari kaj Novoĉeboksarsk. Dum la Festivalo oni povis vidi ekspoziciojn de pentraĵoj (pri la temo "Fabeloj de diversaj popoloj"), belaj gratulaj poŝtkartoj, venintaj al la organizantoj el multaj landoj de la mondo, kaj fotoj



*la organizantoj pridiskutas la festivalajn rezultojn*



*ankaŭ la kostumo helpas al la prezento*

"Ĉirkaŭ la mondo".

Unu el la plej admiraj impresoj denove estis la organizantoj – ĉuvaŝiaj esperantistoj. Ne eblas ne miri pri tio, ke ĉiujare aperas en Ĉeboksari novaj aktivuloj, kiuj brile partoprenas la organizan laboron. Ne malpli mirinda afero estas, ke la malnovaj ne malaperas kaj same partoprenas en la agado. Unuvorte – la movado en Ĉeboksari plu prosperas kaj disvastiĝas. Eble ĝuste la sukcesaj Lingvaj Festivaloj estas unu el ĉefaj kaŭzoj de tiu prospero?

***Garik Kokolija (Moskvo)***

---




*Sur la paĝoj de tiu ĉi REGo vi trovos kvar rebusojn, preparitajn de Irina Zajceva (Vladimir), la unua estas ĉi-maldekstre. Solvinte ilin vi havos kvar vortojn kaj facile konjektos, kiu el la vortoj estas superflua. La respondojn vi trovos en la paĝo 52.*

# VOJAĜAJ NOTOJ

*Rusio – Finnlando – Svedio – Finnlando – Rusio*

Mia vojo al la TEJO-seminario “Rete Informadi” kaj reen estis iom longa kaj sufiĉe interesa. Mi proponas al la legantoj serion da “bildetoj”, per kiu mi volis transdoni miajn impresojn pri la vojaĝo, pri Esperanto kaj alio.

**Helpi spekulantojn**

Finnlando kaj Svedio estas severaj al siaj civitanoj. La du ŝtatoj forte malaprobas drinkadon kaj fumadon – pro tio drinkaĵoj kaj tabako estas terure multekostaj tie. Kompreneble, tion uzas rusiaj komercistoj. Ĉiutage multaj loĝantoj de Peterburgo busas al Helsinki por vendi tie cigaredojn kaj vodkon. En la veturiginta min buso “Volvo” estis ŝajne nur kvin personoj, kiuj vojaĝis al Helsinki ne por vendadi kaj aĉetadi.

Kompreneble, se ŝtato enkondukas iun monopolon, la monopolo estas ĉiurimede gardata. Interalie, unu persono rajtas kunporti trans la limon nur unu litron da vodko kaj 200 cigaredojn (unu bloko).

En la buso la kunpasaĝeroj kutime demandas, ĉu vi kunportas cigaredojn aŭ ne. Se ne, do oni proponos transpreni unu blokon kaj unu botelon trans la limon. Mi konsentis kaj tute naive pensis, ke mi faros tion senpage. Sed la virino, kiun mi helpis, tute subite por mi dankis min per kvindekrubla banknoto.

Iom poste mi eksciis, ke tia helpo havas preskaŭ fiksitan koston inter 5 kaj 10 eŭroj (do oni min trompis). Ĉar 20 cigaredoj kostas en Finnlando 4 eŭrojn. Do estu avertitaj, kiam vi veturos al Finnlando buse.

***Tulli*[1] ĉe la limo**

La finna doganejo montras la fortegan bezonon de la homaro pri la internacia lingvo. Doganistoj (almenaŭ tiuj, kun kiuj devis “paroli” mi) malbone scias la rusan kaj eĉ pli malbone – la anglan. Esperanton ili ne komprenas entute – mi provis.

Ekzistas du manieroj trapasi la finnlandan limon buse. Se la doganejo elektas t.n. “pasportan kontrolon”, tiam estas nura ĝuo: vi lasas ĉion en la buso, promenetas kun via pasporto ĝis la dogana konstruaĵo, oni tie stampas vian envenon en la Ŝengenion – kaj fino. La dua varianto estas pli severa, la doganejo uzas ĝin por eble triono de la busoj: la buso devas resti malplena, ĉiujn aĵojn vojaĝantoj kunportas al la doganejo. Doganistoj ĉion malakurate renversas, multe komentas en la finna – bone ke mi ne komprenas la lingvon.

Ne indas ofendiĝi pri la laboro de *Tulli* – ili gardas la monopolon de sia ŝtato por dikti la prezojn de tabako kaj brando. Kaj gardas sukcese: ĉiunokte oni trovas eksternormajn kvantojn de alkoholaĵo aŭ cigaredoj. La kontrabandaĵo tiam estas konfiskata kaj la malfeliĉa komercisto veturas hejmen en Rusion por reveni iam poste. Kompreneble aŭdacaj komercistoj foje gajnas la loterion – trafas pasportan kontrolon portante malpermesitan kvanton de cigaredoj kaj vodko.

Ĉu interŝtataj limoj estas stulta elpensaĵo?

**Pramo**

La pramo “Mariella” estas grandega ŝipo, kolorigita je ruĝa kaj blanka – koloroj de la firmao “Viking Line”. Ĉiutage pramoj de “Viking Line” portas ĉ. 2 mil vojaĝantojn el Helsinki al Stokholmo kaj reen.

La pramo similas centron de turisma urbeto – butikoj, kafejoj, restoracioj, gaja (eĉ ebria) promenanta publiko... Kutime pri la surakveco rememorigas nur tremeto de la planko.

---

[1] *Tulli* (finne) – doganejo, doganservo.

Tamen la 25-an de oktobro la nokto estis iom nekutima. Komence de la vojaĝo mem la kapitano de la pramo alparolis la publikon per radioreto. Li diris, ke la nokto estos ŝtorma kaj pluva, ke pro tio la pramo povas iom malfruiĝi. "Espowereble tiu "iom" ne iĝos eterno", – pensis mi. Verŝajne la balanciĝo estus multe pli sentebla, se la pramo estus malpli granda ŝipo, sed eĉ en la grandega "Mariella" estis malfacile konsumi la vespermanĝon.

Unu el miaj kajutnajbaroj, finno, rememoris kvazaŭ ŝerce la akcidenton de alia pramo, kiu okazis preskaŭ en la sama regiono de Balta maro antaŭ kelkaj jaroj[1]. Mi ridetis kvazaŭ mi komprenus la ŝercon, fermis la okulojn kaj imagis nian plej suban ferdekon de la ŝipo okaze de akcidento... Multegaj ebriuloj (kaj multaj ja pramadas por malmultekoste ebriiĝi) simple ne aŭdus la alarmon (sep mallongaj kaj unu longa signaloj), la "klare signitaj eskapvojoj" povus iĝi tute netroveblaj en mallumo, se io okazus al la elektro. Strange, sed pensante tiel mi preskaŭ tuj endormiĝis.



*la pramo "Mariella" (de <www.vikingline.fi>)*

Matene mi ellitiĝis sufiĉe malfrue. Jam devus esti lumtago ekstere. Per lifto mi atingis la okan ferdekon kaj eliris en la venton kaj pluvon. Ĉirkaŭe estis jam rokaj insuletoj kaj belaj bordoj de la mallarĝa golfo, kiu etendiĝas kelkdek kilometrojn ĝis Stokholmo. Tiel mi travivis la unuan en mia vivo ŝtormon sur ŝipo.

**Babelturo sur akvo**

La firmao "Viking Line" baziĝas sur Alandaj insuloj – fakte aŭtonoma regiono de Finnlando kun plimulto de svedparolantoj. Anoncoj per la ŝipa radio estas ĉiam farataj en du lingvoj sinsekve: la finna unue, sekvas la sveda teksto. Iam estas ankaŭ la angla traduko, sed tute ne ĉiam. Onidire dum somera turisma sezono eblas aŭdi ankaŭ germanlingvajn informojn. Mi tute ne komprenas la finnan, nek la svedan, se ĝi ne estas skribita. La unua vojaĝo per "Viking Line" en 2001 pro tio estis por mi iom nekomforta – oni konstante pri io paroladis ĉirkaŭ mi, sed mi ne komprenis, pri kio. Ĉi-foje jam ne estis por mi surprizo, mi jam iom alkutimiĝis al la paralela ekzisto de mia lingva mondo kaj tiu de "Viking Line".

Ĉi-jare en la pramo estis multaj mezaĝaj ĉinaj turistoj, usonaj (aŭ kanadaj?) junuloj, granda grupo de junaj gefrancoj kaj kompreneble sennombraj grupetoj de sved- kaj finn-parolantaj gejunuloj. Kun multaj mi volonte interparolus, sed ne ĉies lingvojn mi vere regas ĝis almenaŭ grado de "Saluton, mi nomiĝas Slavik". Krom tio, evidente ne estas normale aliri fremdan grupon ĉi tie – la grupoj estas izoliĝemaj. Lingvaj (kaj parte kulturaj) baroj "paraleligas" gejunulojn el diversaj landoj. Ili amuziĝas sen reciproka influo inter la lingvaj grupoj...

Eh, se mi vojaĝus kun almenaŭ kvaropo da aliaj esperantistoj! Ni formus ankoraŭ unu paralelan lingvan grupon...

---

[1] Septembre de 1994, la pramo "Estonia", 852 mortintoj.

**Jukka**

En mia kajuto laŭvoje al Stokholmo vojaĝis interesega kaj parolema persono – Jukka. Li estas fortika viro inter 30 kaj 40 jaroj, fremda al drinkado kaj tre babilema. Kompreneble li aŭdis pri Esperanto. Jes, ankaŭ pri Osetio kaj multaj aliaj specialaj lokoj de Rusio. Antaŭnelonge li vizitis Bulgarion kaj Ĉinion. Fakte Jukka estas antropologo, li studas diversajn homajn kulturojn kaj instruas sian sciencon en altlernejo de sia regiono.

Jukka apartenas al tiu tavolo, kiu helpas la pramveturantojn esti kune. Li estas finno, sed flue parolas ankaŭ la svedan kaj la anglan, iomete konas la rusan. Ĉiuj kvar en la kajuto pli-malpli bone interkompreniĝis dank' al Jukka kaj lia plurlingveco.

Kiam mi pramis reen el Stokholmo al Helsinki, Jukka mankis. En kajuto denove ni estis kvar. Mi, du rusoj el Krasnojarsk kaj mortebria svedo (interalie, kial ni decidis, ke li estas svedo? li ja krom "Hej" nenion al ni diris)...

**"Systembolaget"**

En kelkaj landoj de la mondo vendi alkoholaĵojn rajtas nur ŝtato. Iam en antaŭaj jarcentoj tia monopolo helpis plenigi ŝtatan buĝeton, nun laŭ <www.systembolaget.se> ĝi helpas zorgi pri la civitanoj de Svedio – ja senorda komerco estus interesita nur pri la vendata kvanto. La ŝtata monopolo povas pli-malpli sincere ne altrudi la vendatajn varojn al la vizitantoj. "Ni emfazas la gravecon de gusto kaj kvalito, sed ne de forteco kaj amplekso".

Kompare eĉ kun aliaj ŝtatoj de EU alkoholaĵoj en Svedio kostas multe. Oni ne vendas drinkaĵojn al junuloj antaŭ ol ili estas 20-jaraĝaj. Estas nur 413 specialaj vendejoj en Svedio, kiuj apartenas al la ŝtata sistemo "Systembolaget" kaj rajtas vendi drinkaĵojn – kompreneble vi ne trovos vinon en manĝaĵ-vendejo. "Systembolaget" estas fermita nokte kaj dum feritagoj.



*unu el 413 vendejoj de "Systembolaget"*
*(Stokholmo, 2002; fotis Sl. Ivanov)*

Verŝajne la ŝtata monopolo vere povas funkcii. Estas sento (ne pruvita per statistiko), ke en Svedio malpli multas ĉiutaga drinkado kaj fumado ol en Rusio. Sed mi rememoras la tempon de mia infaneco, kiam Gorbaĉov proklamis militon kontraŭ alkoholo... Ĉio finiĝis je pereintaj vinberejoj kaj pli amasa uzado de alkoholenhavaj teknikaĵoj kaj hejmfarita brando. Probable ankaŭ Sovetunio disfalis pro tio. Nun oni vendas alkoholaĵojn en ĉiu vendejo tage kaj nokte. Verŝajne "Systembolaget" misfunkcius en Rusio, kiel misfunkciis la ideo de bonkora urbestro, kiu disponigis al loĝantoj de unu ekssovetia respubliko senpagajn stratajn biciklojn por komuna uzo...

**Kiel instruistino de la angla eklernis Esperanton**

Raita Pyhälä loĝas 400 kilometrojn norden de Helsinki. Multajn jarojn de sia vivo ŝi instruis la anglan, ankaŭ la franca ne estas vere fremda por ŝi. Iam la manojn de Raita trafis sonbendo kun anglaj tekstoj por lernantoj. Inter la tekstoj sur la kasedo estis anglalingva prezento de Esperanto fare de angla esperantisto. La prezento estis tiom interesa (almenaŭ por Raita), ke ŝi tuj ekserĉis informon pri Esperanto.

Estis iom malfacile trovi lernolibron de la Internacia Lingvo en malgranda vilaĝo, kie

loĝas Raita, sed tamen la lernolibro venis – pere de biblioteka interŝanĝo. Ekde tiam ŝi "enmovadiĝis" kaj ĝuas sian internaciecon, kiun alportis la scio de Esperanto.

Raita (kies esperantigita nomo estas Saliko) havas tri infanojn, du el ili loĝas en Helsinki. De temp' al tempo la patrino vizitas ilin, sed ŝi malŝatas la grandan urbon kaj bruon de busoj kaj ŝarĝaŭtoj.

### Zamenhof-arbaro en Finnlando

Saliko estis la sola finna esperantisto, kiu havis tempon kaj emon akompani min tra la urbo dum tiuj du-tri horoj, kiujn mi havis inter la pramo kaj buso. Laŭ mia memoro ŝi estas la unua finno, kun kiu mi parolis en Esperanto.

Ĉe tetaso en kafejo "Entré" ni babilis. Plejparte parolis ŝi, ĉar post la TEJO-seminario mi estis iom laca. Kelkaj ŝiaj rakontoj sonis kiel bela fabelo: ekzemple pri Zamenhof-arbaro kaj pri la finna Avo Frosto.

En Finnlando estas arbaro, kiu apartenas al esperantisto. En la arbaro estas arboj, dediĉitaj al diversaj personoj de Esperanto-mondo, al diversaj landoj ktp. La unua gasto de iu lando, venanta al la Zamenhof-arbaro, rajtas elekti ajnan sennoman arbon kaj doni al ĝi la nomon de sia lando. Se la arbo nomita laŭ via lando jam ekzistas en la arbaro, vi ĉiukaze povas ĝui rostadon de kolbasetoj, kunkantadon kaj bonan kompanion. Rakonto pri bela arbo kun esperantlingvaj ŝildetoj tuŝis mian koron post la babiloneca ŝtala pramego meze de malvarma maro...

### Kiu estas Santa kaj kie li loĝas

Kiel nuntempe scias ĉiu infano, en Eŭropo kaj Ameriko (kaj eble ne nur) la Novjara (aŭ Kristnaska) viro en ruĝa palto nomiĝas Santa Klaus kaj loĝas en du lokoj samtempe – en Kanado kaj en Finnlando. La kanada Avo Frosto aŭ Santa komprenas Esperanton, sed Saliko transdonis al mi de la finnlanda Avo Frosto belan ŝlosilringon[1] – pro tio mi kredas, ke Avo Frosto loĝas en Finnlando. Kompreneble – ekzistas nur tiu, kiu transdonas realajn donacojn; kaj la leterojn en Kanado evidente respondas ne Avo Frosto, sed iu senbarba esperantisto.

La tradicia finnlanda Avo Frosto tute ne estas Santa (kiel oni skribis sur la donacita ŝlosilringo) kaj li tute ne emas porti ruĝajn vestojn (kiel oni desegnis sur la donaco). La Kristnaska Avo – ja kompreneble por Saliko – portas grizan aŭ brunan palton, havas kaprajn kornojn sur la kapo anstataŭ la stulta ĉapo kaj oficiale nomiĝas Joulupukki[2].

Usonigo kaj kokakolonizado de la mondo estas tute terura. Mi kore esperas, ke ankaŭ la du knabinetoj, kiuj frapetis vitron de sia fenestro por altiri mian atenton kaj rideti al mi en la strato Pietarinkatu, – ankaŭ ili konas la veran vizaĝon de la finna Avo Frosto kaj komprenas, ke la avo foje portas ruĝan veston kaŝante sian veran nomon kaj siajn kornojn nur por ke fremdlandaj turistoj lin rekonu.

Interese estas: se oni uzus Esperanton por surskribi donacajn ŝlosilringojn, *kia* oni desegnus la finnan novjarfestan Avon?

### "This Is the Road to Hell"[3]

Mi ne ŝatas vojaĝi per interurbaj busoj. Precipe, se estas multaj busoj en la vojstarto. Ankaŭ ĉi-foje mi devis duonhoron nervozi, multe paŝi tien-reen kaj spiri dizelfumon serĉante mian buson al Peterburgo. Feliĉe mi bonorde enbusiĝis.

---

[1] Kelkaj uzus vorton "breloko" por la aĵo. Sed almenaŭ laŭ la Reta Vortaro, kunredaktata de S. Pokrovskij k.a., breloko nepre estas "ornama pendaĵo de poŝhorloĝa ĉeno" – do ne taŭgas por ornama pendaĵo kun ringo por ŝlosiloj.

[2] *Joulupukki* finne signifas "Kristnaska Kapro", ĉar antaŭ la veno de kristanismo en Finnlandon oni kredis je mita vintra virkapro anstataŭ la nuna avo.

[3] (angle) "Tio estas la vojo al infero".


*ortodoksa katedralo en Helsinki (de www.vikingline.se)*

La buso estis tute komforta en la fizika senco. Sed en ĝi aŭdiĝis iom prema muziko. Kiam ni elveturis el finnlanda ĉefurbo, eksonis la fama kanto de Kris Ri (Chris Rea) "Vojo al Infero" ("Road to Hell"). Mi tute ne ŝatis tiun aludon al mia kara patrolando. Iam poste inter neĝkovritaj kampoj de Finnlando la sama viro ekkantis pri tio, kiel li serĉas someron. Li evidente celis subnuligi mian humoron ĝis la subnula stato de vetero ekster la buso. Mi ne cedis kaj, por esti pli firma en mia rezistado, mi ekverkis ĉi-tiujn vojaĝajn notojn.

Tio efikis. Efikis tiom bone, ke min tute ne ĝenis la sekva disko, kiun ekaŭdigis la ŝoforo: "Владимирский централ… Ветер северный…"[1] Ĝuste eldiris iu fama petveturanto: la plej malfacila afero en petveturado estas toleri la kantojn, kiujn ŝatas ŝoforoj.

**Katoj**

Tomislav Divjak, kiu vizitis Rusion ĉi-aŭtune por partopreni Lingvan Festivalon kaj rigardi kelkajn urbojn, rakontis pri katoj, kiuj abundis en unu el apartamentoj, kie li loĝis dum la vizito. Ne gravas la loĝejo, gravas la katoj.

Mi tre ŝatas katojn. Estas ĉiam ĝoje kaj komforte vidi katon. Belan, blankan kun oranĝkoloraj makuloj katon mi ekvidis en la rusia doganejo ĉe la enveturo en mian landon. Estas tute bone, ke oni longege, preskaŭ horon, kontrolis la buson – la publiko amuziĝis intertempe en la halo, jam post la pasporta kontrolo, pri la blanka kato kun pigreca saĝo en la okuloj. Tute bela besto. Ankaŭ en mia loĝejo estas du katoj. Mi antaŭsentis revenon hejmen post la 40-hora vojaĝo de Lesjöfors.

***Slavik Ivanov (novembro 2002, Peterburgo)***

---

Okaze de vegetarisma seminario renkontiĝas volapukisto, interlingvaano kaj esperantisto, kaj ili konversacias kaj komparas siajn lingvojn. La volupukisto demandas la interlingvaanon: Dirü, kiöm öfte la literö L apäras en la himnö dä interlingvaö? La interlingvaano kalkulas kaj respondas: In nostra himna es 17 literas L! Et in vostra himna, senioro di Esperanto, quiomas literas L es in himna di Esperanto? La esperantisto kalkulas longtempe kaj diras: 192. La volapukisto miras: Tiöm mülte? Ĉü vi pövüs kanti tiön al ni? Kompreneble, la esperantisto bonvolemas: En la mondon venis nova sento, la la la la la la la...

***(per-esperanto-muziko)***

---

[1] (ruse) "Ĉefprizono en Vladimir… Norda vento…" – el kanto de la rusa bardo Miĥail Krug, kiu kantis en prizona ĵargono pri la romantiko de eksterleĝa mondo. Ial liaj kantoj estas aparte ŝatataj de longdistancaj ŝoforoj kaj neŝatataj de mi.

Bulteno de REU

## DECIDOJ DE LA 19-a KONFERENCO DE REU

***okazinta 13-15.12.2002 en Puŝĉino dum la 22-a REK***

1. Taksi la laboron de la Estraro kontentiga.

2. Aprobi la raporton de la Kontrol-revizia komisiono.

3. Elekti la Estraron de REU en la konsisto: Nikolaj Gudskov (Moskvo) – Prezidanto; Viktor Aroloviĉ (Moskvo), Abduraĥman Junusov (Maĥaĉkala) – Vicprezidantoj; Irina Gonĉarova (Odincovo), Natalja Grigorjevskaja (Ŝumerlja), Jurij Karcev (Uljanovsk), Viktor Kudrjavcev (Jekaterinburg), Andrej Liskov (Moskvo), Valentin Seguru (Moskvo).



*la Konferenco estis kerna parto de REK-22*

4. Elekti la Kontrol-revizian komisionon de REU en la konsisto: Valentin Melnikov (Moskvo) – prezidanto, Rafija Jafasova (Jekaterinburg), Pavel Bruĥis (Moskvo).

5. Elekti komisiitojn pri: literaturo – V.Melnikov, medicinista agado – P.Volkov, financoj – M.Ĉertilov, kluba ranglisto kaj respektiva fonduso – G.Basov, REGo kaj registrado de la membraro – G.Kokolija, turismo – A.Butkeviĉ, kultura agado – O.Dadaev.

6. Akcepti amendon en la Ĝenerala Regularo de REU.



*nova REU-estrarano Viktor Kudrjavcev kaj nova membro de KRK Rafija Jafasova*

7. Akcepti kun amendoj Regularon pri la regionaj kunordigantoj de REU kaj Regularon pri la lokaj reprezentantoj de REU.

8. Esprimi laŭdon al Abduraĥman Junusov pro la lanĉo de oficiala Esperanto-katedro.

9. Subteni la iniciaton pri kunlaboro kun la televida kompanio “Sodruĵestvo” por kreo de filmoj pri Esperanto; komisii ĝian realigon al V.Seguru, A.Junusov kaj N.Gudskov.

10. Komisii al G.Basov finprepari kaj prezenti al la Estraro projektojn de Regularoj pri

la kluba ranglisto kaj pri la respektiva fonduso.

11. Komisii al V.Seguru efektivigi eksperimenton pri aprobo de apartaj decidoj de la Konferenco fare de la membraro.

## DECIDOJ DE LA ESTRARO DE REU

*faritaj dum la kunsidoj 15.12 kaj 19.12.2003*

1. Dividi la agadterenojn inter la estraranoj: Gudskov – kunordigo, reprezentiĝo; Aroloviĉ – dokumentado; Junusov – kontaktoj kun neŝtataj organizaĵoj kaj amaskomunikiloj; Gonĉarova – instruado, kontaktoj kun ILEI; Grigorjevskaja – amasaj aranĝoj; Karcev – Libroservo, Interreto; Kudrjavcev – regiona agado, varbado; Liskov – internacia agado; Seguru – kontaktoj kun ŝtataj organizaĵoj.

2. Aprobi la Kotizregularon de REU por 2003.

3. Koopti en la Estraron Georgij Kokolija.

4. Aperigi Jarlibron de REU ne pli malfrue ol printempe 2003.

Ekde septembro 2002 en la Kaŭkazia Laika Instituto (Maĥaĉkala, Respubliko Dagestano) oficiale funkcias katedro de la Internacia lingvo Esperanto. La estro – Abduraĥman Junusov. Studentoj de la fakultatoj: dezajna, religioscia, komputila k.a. studas E-on.

***

La 18-an de decembro Valentin Melnikov, elektita de la Konferenco kiel la prezidanto de Kontrol-revizia komisiono de REU, deklaris sian demision – pro tio, ke ĉe la elekto, okazinta sen lia ĉeesto, estis miskompreno koncerne lian konsenton. La Estraro de REU proponis al du restintaj membroj de la komisiono koopti trian membron kaj poste decidi, kiu el la membroj anstataŭos la prezidanton ĝis sekva Konferenco.

## MANKAS PACO SUB OLIVARBOJ

*pri la lasta konferenco en Puŝĉino*

Ĉiuj Konferencoj, kiujn mi sukcesis partopreni, estis ne tro pacaj. La lasta, kiu okazis en Puŝĉino de la 12-a ĝis la 16-a de decembro, ne estis ĉi-rilate escepta. Fakte, por la konferencanoj estis proponitaj du vojoj: la unua – glata, horizontala, kiu kondutos nek al falo, nek al supreniĝo; la dua – ŝtonoza, kun multaj subakvaj ŝtonoj kaj neatenditaj rezultoj, eĉ danĝeraj. Post akraj bataloj kongresanoj elektis atenteman kaj mezan direkton. Ili ne elektis radikalulon V.Seguru kiel Prezidanton, sed tamen promociis lin al estrarano. Kaj plue, la alia radikalulo A.Junusov estis elektita kiel Vicprezidanto. Ni ĉiuj, kolektiĝintaj en Puŝĉino, komprenis, ke dum lastaj jaroj nia Rusia movado iom marĉadis, kaj eble nova direkto, proponita flanke de A.Junusov kaj V.Seguru, eltiros nin al pli bona situacio. Do, paco sub olivarbo de Esperanto ne ekzistis kaj ne ekzistas. Kaj tio estas bona, ĉar se kongresanoj nur sidus kaj levus la manojn, tio estus vera kapitulacio.



*sed dum la kongresaj koncertoj paco ne mankis – kanta trio el Ribinsk*

***Boris A. Zozulja (Rostov-na-Donu)***

## MEMBRO-MEMBRON!

*la revuo Esperanto lanĉis kampanjon*

Se ĉiu el ni akirus nur unu novan membron, UEA kaj TEJO duobliĝus. Multaj esperantistoj membriĝus en UEA/TEJO, se iu proponus tion al ili! La kampanjo MEMBRO-MEMBRON! estas samtempe konkurso. Ĝi daŭros ĝis la fino de januaro 2003.

Ĉiu membro de UEA/TEJO, kiu akiros novan individuan membron (en ajna kategorio), ricevos libropremion kaj lia nomo aperos en la revuo Esperanto. Unu konkursanto (decidos lotumado) ricevos La Novan Plenan Ilustritan Vortaron de Esperanto. Ekzempleron de La Nova PIV ricevos ankaŭ membro, kiu akiros la plej multajn novajn membrojn. La lotumado okazos la 10-an de februaro 2003. La rezulto aperos en la marta numero de la revuo.

> Anatolij Jevgenjeviĉ Gonĉarov donacis al REU sian bibliotekon, por kiu li kolektis la librojn dum sia longa esperantista vivo. Grandan dankon!

La kondiĉoj: bonvolu rete aŭ skribe informi la redaktoron (Stano Marĉek <revuo@uea.org>) ke vi akiris novan membron: skribu vian nomon, vian UEA-kodon, la nomon kaj la adreson de la (de vi akirita) nova membro. Post alveno de la kotizo (eblas ankaŭ donaci ĝin!) vi eniros la konkurson.

Helpu ankaŭ vi vastigi nian komunumon!

***(esper-inform)***

## REU-MEMBROJ EN 2002

Ankoraŭ du personoj pagis la kotizon por 2002: *Nikolaj Stepanov (Moskvo) – individua membro; Rafija Jafasova (Jekaterinburg) – familia membro.*

Rezulte en 2002 REU havas 351 membrojn, inter kiuj estas 162 individuaj membroj (inter ili 45 dumvivaj kaj 5 familiaj) kaj 189 aligitaj membroj (apartenantaj al 15 aliĝintaj kolektivoj).

### REU-kotizoj por la jaro 2003:

120 rub. (por eksterrusianoj – 15 eŭroj) – individua kotizo (inkluzivas la membrokarton, REGon kaj aliajn informojn, voĉdonrajton en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj);
3000 rub. (por eksterrusianoj – 375 eŭroj) – dumviva kotizo (ĉio la sama dum la tuta vivo);
25 rub. – familia kotizo (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco);
120 rub. + 25 rub. por ĉiu membro – kolektiva kotizo (REGo kaj aliaj informoj de REU por la klubo, la membrokartoj kaj voĉdonrajtoj en REU-Konferenco por la klubanoj).
*La rublaj kotizoj sendendas al* ***G.Kokolija*** *(la adreso estas en la lasta kovrilpaĝo), la eŭra kotizo pagendas al la konto* ***reua-p*** *ĉe UEA.*

---




*Jen estas la dua rebuso, la respondojn vi trovos en la paĝo 52.*

# REJM-info

*redaktas Sonjo Ŝejnina, Vitalij Malenko*

*Karaj geamikoj! Ni ĝojas saluti vin en la decembra (lasta en ĉi-jaro) eldono de REJM-info. Preskaŭ ĉiuj materialoj ĉi-foje estas dediĉitaj al informado. Oni diras, ke informado regas la mondon. Speciale nuntempe: oni eĉ nomas la nunan homaron "informa socio". Esperantistoj estas parto de ĝi, pro tio nia sukceso ege dependas de niaj informaj penoj. Pli detale pri tio rakontas la subaj materialoj.*

## JARON KUN TEJO



*Slavik Ivanov – pri iksoj*

Certe vi scias, ke REJM estas landa sekcio (LS) de la Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO). Certe vi diros al mi, ke REJM estas LS de TEJO jam pli longe ol nur jaron. Sed ne pensu, ke vi vere estas multe pli saĝa ol mi. Mi konas kaj memoras kelkajn aferojn, pri kiuj vi eble tute ne aŭdis, sed aŭdos tuj... Temos pri REJM-paĝaro en Interreto kaj pri ĝia historio.

Ĝuste antaŭ jaro, en novembro 2001, la paĝaro de REJM translokiĝis de la terure glukiva[1] rusia senpaga servilo <Chat.Ru> al serioza rethotelo, kiun luas TEJO. Ekde tiam nia paĝaro havas la jenan tute logikan adreson – <www.tejo.org/rejm> – bele, oportune kaj solide. La novaj eblecoj iĝis realaj dank' al sindonemaj klopodoj de TEJO-Komitato kaj, ĉefe, komitatano pri informado Hokan (Håkan) Lundberg. Estante mem komputilisto, Hokan trovis kaj elaĉetis domajnon[2] <www.tejo.org> (kiu antaŭe apartenis al iu hinda knabo kun la nomo Tejo). Ĝuste Hokan kunfondis kaj kunordigas la tiel nomatan Ikso-teamon (aŭ Teamon de Iksoj) – grupon de gejunuloj, kiuj en diversaj landoj (kun)aktivas en Reto. "Iksoj" havas propran retan adreson <www.ikso.net>, ĉe kiu, interalie, troviĝas kelkaj iliaj projektoj: ankaŭ la vaste legata en la reta Ruslingvio elektronika gazeto "Новости эсперанто-движения"[3] (ĉ. 2 mil abonantoj). Ne laste dank' al "iksoj" aperis Fondaĵo "Esperanto@Interreto", retaj projektoj "Lernu", "Lingva Ĉielarko" kaj "Edukado", ekfunkciis klerigaj kaj kunlaborigaj seminarioj en diversaj landoj.

Serioza rolo, kiun donas la TEJO-komitatano pri informado al Interreto, rezultigas en

---

[1] Glukiva – foje uzata inter rusiaj esperantistoj-retemuloj slangismo kun signifo "fuŝema", "kun programeraroj". Evidente ĝi devenas de la rusaj slangaj formoj «глюк», «глючный», «глюкатый».

[2] Alivorte, retadreson de la unua nivelo.

[3] "Novaĵoj de Esperanto-Movado", ruslingva elektronika gazeto, aperanta dufoje monate. La gazeton lanĉis kaj en la jaroj 1999-2001 redaktis Andreo Grigorjevskij.

plian kaj plian aktivecon de junaj esperantistoj en la reto. Kleriga laboro de "Esperanto@Interreto" senteble plialtigis nivelon de multaj esperantlingvaj retlokoj. La ĝenerala tendenco tuŝis ankaŭ la paĝaron de REJM.

Kion vi povas trovi en la reto ĉe <www.tejo.org/rejm>? Multon. Ĝuste REJM-paĝaro rakontos al vi pri la agado de nia landa junulara Movado. Ĉi tie vi povos legi pri la proksimaj (tempe kaj geografie) taŭgaj por junularo Esperanto-aranĝoj (aŭ fari anoncon pri la aranĝo, kiun preparas vi). Ĉi tie vi povos vidi la aktualan liston de niaj membroj kun fotoj de multaj el ili. En la paĝaro vi facile trovos kontaktajn retadresojn kaj povos aboni retan version de REJM-info.

Esperanto kaj Interreto estas kvazaŭ kreitaj unu por la alia. Se vi jam estas retuzanto, ekvojaĝu tra esperantlingvaj paĝoj – espereble, vi trovos multajn interesajn lokojn. Se vi ankoraŭ ne scipovas uzi Interreton, serĉu eblecojn por ekhavi tian utilegan scion.

Eĉ se vi ne estas REJM-ano, vi ĉiam povas uzi la paĝaron de REJM (kaj aliajn ret-rimedojn de nia organizo) por fari viajn anoncojn. Reklamu lokajn kaj internaciajn E-aranĝojn, serĉu gastprelegantojn aŭ proponu vin mem, anoncu vian deziron korespondi internacie aŭ internacie edziĝi – ĉio ja uzeblas senpage. Krom tio sendu viajn proponojn pri ŝanĝoj aŭ aldonoj al nia komuna <www.tejo.org/rejm>.

***Via Slavik@ikso.net***

## "ESPERANTO@INTERRETO-4" EN SVEDIO

Dum unu semajno (25.10 – 02.11) en Leŝofoŝ[1] okazis la seminario "Esperanto ĉe Interreto 4" (E@I-4). En la seminario kunvenis 28 junuloj el 14 landoj de Eŭropo kaj Norda Ameriko. Kiel temo de la seminario estis elektita informado – do, "Rete Informadi".

La partoprenantoj loĝis en Leŝofoŝa Esperanto-domo ("Esperanto-gården", kiu, interalie, estas la ĉefa ejo de IJK-2003), kaj la plejparto de laboro okazis en la apuda mezlernejo. Esperanto-domo, la urbeto Leŝofoŝ kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj estas tre belaj – konsideru tion dum planado de viaj someraj ferioj. Aparte menciindas biblioteko de la Esperanto-domo, arbarkovritaj montetoj kaj loka muzeo.



*aktivuloj el diversaj landoj kreas novan TEJO-afiŝon*

Dum la seminario funkciis kvar laborgrupoj:

– strategia (prilaboris strategiajn demandojn de ekstera informado);
– informila (zorgis pri produktado de informiloj; enhavis du subgrupojn – "koran" kaj "mensan", la "kora" okupiĝis pri aspektigo kaj la "mensa" – pri la enhavo de produktataj informiloj);
– teknika (klopodis funkciigi la Retan Informado-Centron, RIC);
– filma (produktis por Interreto mallongajn filmojn pri Esperanto-vivo).

Kiel rezulto de la seminario E@I-4 aperis Reta Informado-Centro <www.ikso.net/ric>, kie TEJO, ĝiaj landaj sekcioj (do, ankaŭ REJM) kaj unuopaj esperantistoj disponigos siajn la plej bonajn informilojn kaj publikigos dokumentojn pri sia informa agado. Krom la

---

[1] Sveda skribo de la urbo – Lesjöfors, de la provinco – Värmland.

funkcianta RIC aperis multaj planoj por estonta kunlaboro – la praktiko montras, ke duono el ili mortos, sed ja io ankaŭ efektiviĝos.

Kelkaj altkvalitaj informiloj, preparitaj dum E@I-4, estos presitaj en nia lando kaj liveritaj al la Centra Oficejo (Rotterdam). Io devas resti ankaŭ enlande, ĉar estas preparitaj por kvalita presado ankaŭ ruslingvaj informiloj. Multkoloraj kaj profesie aranĝitaj fare de la "kora" laborgrupo (ĉefe de Nastja Koĵevnikova kaj Arono Ĉapman), la informiloj devas logi gejunulojn jam per sia moderna aspekto.

Dum la seminario prelegis kelkaj spertuloj pri informado: Lu Wunsch-Rolshoven (Germanio), Ziko M.Sikosek (Germanio) kaj Giuseppe Castelli (Italio). Ili sukcesis bone klasifiki oftajn erarojn, kiujn faras esperantistoj informante pri sia lingvo la eksteran publikon. E@I-4, estante TEJO-seminario, ne povis esti tute seka. Kompreneble okazis interesaj vesperaj programeroj kaj eĉ kreiĝis novaj kulturaĵoj por nia internacia junulara komunumo – vi nepre ekscios pri ili iom poste, nur memoru la "ŝlosilvortojn": "sandviĉo", "kio okazas?" kaj "naprelo".

Espereble la rezulto de ĉi seminario estos ne nur la produktitaj filmetoj, intervjuoj al provinca gazetaro, afiŝoj kaj T-ĉemizoj, sed ankaŭ la ĝenerala pliprofesiiĝo de la ekstera informado en ĉiuj landaj asocioj de esperantistoj.

*Slavik Ivanov, komitatano de REJM*

## KIO ESTAS ESPERANTO?

Ni ofte aŭdas tiun demandon, ĉu ne? Sed kiel respondi? Speciale se vi volas interesigi la homon pri nia lingvo?

Oni ne uzu argumentojn, kiujn oni malfacile povas defendi ("ĉies dua" aŭ "lingvo de EU" estas malpli konvinka ol "lingvo de *kaŝe montrite interesa, klera...* internacia komunumo"). Oni parolu pri kio est**AS**, kaj ne kio pov**US** esti. Kiam vi parolas pri E-historio, zorgu ke la unuaj jardekoj ne okupu tro grandan parton. La Esperantistoj estas: lingvemaj, kleraj, ĝentilaj kaj toleremaj. Ne diru tion, sed montru tion!

Oni donu seriozajn, verecajn/realismajn informojn. Oni ne portu tro da E-signoj kaj ne aspektu sektisme. Oni strebu *informi*, sed *ne konvinki*, oni *ne estu altrudema*. Povus esti bone prezenti ekzemplajn esperantistojn, kiel ili eklernis la lingvon ks, kaj farante tion oni uzu interesajn, klerajn kaj socie engaĝitajn homojn, i.a. ankaŭ famulojn (sed ne mitajn famulojn, kiuj ne vere estis esperantistoj).

Depende de situacio kaj kunteksto oni povas mencii la famajn subtenantajn organizaĵojn kiel Unesko kaj UNo, sed nur se oni scias pli konkrete pri kia subteno temas (nepras koni la dokumentojn – ili troveblas en Jarlibroj de UEA).

Rakontu pri veraj kaj konkretaj aferoj (pli interesas via vizito al alia lando, ol opinio pri UNo). Decidante pri uzindaj kaj maluzindaj vortoj oni tre atentu pri tio, kion kiuj vortoj elvokas en kiuj lingvoj, kaj kiel kunteksto donas signifon al vortoj. Ne rakontu pri movadaj dokumentoj, ekz. "Praga Manifesto", sed provizu ilin, se vi volas (aŭ se la kunparolanto demandas).

Oni ne uzu internajn movadajn dokumentojn kaj Esperantan ĵargonon por la ekstero. Ĵargono estas ekzemple "delegito", "verda lingvo", "movado", "samideano", "la (granda) majstro", "finvenkisto", "raŭmisto", kaj ankaŭ "IS", "IJK", "TEJO" ktp. Se vi devas traduki "TEJO", tiam ne traduku laŭvorte, sed redonu la nomon tiel, kiel oni normale farus en via lingvo.

**"Danĝeraj" aŭ evitindaj diroj:**

"Ĝi havas 16 regulojn kaj ne havas esceptojn" – **ne veras**, kaj krome elvokas senton de primitiva/malviva lingvo.

"Esperanto estas logika/artefarita" – en pluraj lingvoj elvokas senton de ne-viva, rigida

lingvo aŭ eĉ kodo/programlingvo.

“Zamenhof estas kreinto de Esperanto” – pli bone diri “iniciatinto” aŭ simile. Ne prezentu Esperanton kiel la privatan lingvon de unu persono.

“Esperanto havas fortan kulturon, sed tamen ĝi estas neŭtrala, ĉar ĝi ne portas kulturon de iu nacio…” – estas kontraŭdiro, se en via teksto ne klaras, ke “Esperanto havas fortan **ne**nacian kulturon”.

“La angla malbonas, ĉar...” – oni prefere **ne** ataku/primoku aliajn lingvojn por varbi pri E-o (oni akceptu komunikan kaj aliajn rolojn ankaŭ de la angla kaj ceteraj lingvoj).

Detaloj pri sociaj kutimoj de esperantistoj (ekz. Tekilumado, La Bamba, miksitaj duŝejoj ĉe iuj aranĝoj) ne nepre lasos pozitivan impreson ĉe ĝenerala publiko.

Pli da informo troveblas ĉe <www.ikso.net/ric>.

***Anna Skudlarska, David-Emil Wickström, Jevgenij Gaus,***
***Lu Wunsch-Rolshoven, Sonja Petrovic, Ziko M.Sikosek;***
***dum seminario E@I-4 “Rete Informadi” en Leŝofoŝ (Svedio).***

## ĈU ESPERANTUJO ESTAS LOKO POR RIPOZI AŬ POR LABORI?

*Karaj legantoj, ĉu vi memoras diskuton en lasta REJM-info pri la demando? La respondoj daŭre venas, kaj ni ricevis eĉ poeziajn meditojn. Do, kunmeditu:*

Anstataŭ “Esperantujo” mi skribos “Esperanto”; verŝajne, Esperanto ne malpermesas tion, ĉar ĝi ankaŭ sen sia riĉega ĉirkaŭaĵo estas fabele vasta ujo, kaj ejo, kaj ili, kaj ĉio, ĉu ne? Mi opinias, ke:

Esperanto ne estas ripozo,
Esperanto ne estas labor’.
Ne konvenas tro kruda supozo
Al profundo de ĝia valor’.

Esperanto signifas montpadon
Al la arto, scienc’, politik’,
Postulante dum viv’ laboradon
Kun sukcesoj, fiaskoj, kritik’.

Sed ne eblas nur-nure labori,
Kaj alvokas amika kunven’,
Kie ĝojas junege furori
Esperanto je l’ varma seren’.

Provu iu difini streĉdozon
En agem’ kun sindona fervor’!
Dum labor’ oni ĝuas ripozon,
Dum ripozo prosperas labor’.

Tradukado penigas turmente,
Sed naskiĝas inspira liber’
Ĉe la homo, al kiu torente
Fluas lumo de l’ krea mister’.

Instruado, prelegoj, tendaroj –
Fortostreĉ’ kaj laciĝo sen ĉes’,
Tamen fortojn rezultoj de faroj
Revenigas per ĝoj’ de l’ sukces’.

Esperanto en altoj spiritaj,
En magio de kant' kaj poem',
En labor' kaj ripoz' kunfanditaj
Estas simple la vivo mem'.

***Samideane, Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)***

## INTERNACIA STUDUMO PRI TURISMO KAJ KULTURO

***elkore invitas al studado de turismo kaj lingvoj en la studjaro 2002/2003***

Se vi interesiĝas pri internaciaj turismo kaj kulturo, volus iĝi specialisto pri iu problemaro kaj eventuale fariĝi bakalaŭro kaj sekve magistro de AIS San Marino – aliĝu!

Internacia Centro pri Kulturo kaj Turismo invitas al Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo (ISTK), kiu funkcias ekde 1991 kaj en 1994 transformiĝis en trijaran – ĉiutagan kaj eksterĉeestan – post-maturekzamenan lernejon. En la studumo lekcias sciencistoj, instruistoj, lektoroj kaj fakuloj de AIS San Marino, Internacia Esperanto-Instituto en Hago, Akademio de Bydgoszcz, Regiona Instruist-Eduka Centro, Vojevodia Kulturcentro en Bydgoszcz, Pola Turisma-Landkona Asocio, Pola Agentejo por Promocio de Turismo kaj Internacia Centro pri Kulturo kaj Turismo "Kujavio kaj Pomerelio" en Bydgoszcz. En la studumo povas studi ĉiu persono, kiu finis la 18-an vivjaron kaj havas almenaŭ meznivelan kleron (matur-ekzamenon). La plena eduk-ciklo daŭras tri jarojn – en laŭvicaj jaroj oni povas akiri 9 profesiojn laŭ Europ-Uniaj normoj, nome:

– **dum la 1-a jaro**: turisma informanto, mondvojaĝanto, gvidanto de porinfanaj aranĝoj, lektoro de Esperanto, internacia vojaĝgvidanto; fininte la 1-an jaron oni ricevas ateston de Internacia Esperanto-vojaĝgvidanto kaj povas tuj labori kiel laboranto pri turisma informado, oficisto de turisma agentejo aŭ internacia vojaĝgvidanto;
– **dum la 2-a jaro**: turisma E-ĉiĉerono, verkanto de arta ceramiko kaj kursgvidanto de Esperanto; post la 2-a jaro oni ricevas certigilon de organizanto de internacia turismo kaj kulturo kaj sekve povas labori kiel organizanto de turisma priservado, turisma ĉiĉerono, instruanto de la lingvo Esperanto aŭ animanto de kultura agado;
– **dum la 3-a jaro**: gvidanto de turismo kaj kulturo kaj instruisto de Esperanto; la finintoj ricevas diplomon de specialisto pri la internaciaj turismo kaj kulturo, povas labori kiel specialistoj pri organizado kaj disvolvo de turismo aŭ pri organizado de kulturo, kaj eventuale fariĝi bakalaŭroj de AIS pri humanistiko aŭ morfosciencoj.

En Pollando, laŭ dekreto de la ministro pri edukado, la fin-diplomoj de ISTK validas kiel ŝtataj dokumentoj rajtigantaj ĉiĉeronojn kaj vojaĝgvidantojn labori en Esperanto. La kunlaboro kun AIS San Marino kaj kun sciencaj institucioj en Pollando ebligas akiri sciojn i.a. pri ekologio, eŭropologio, etnologio, etnografio, kultur-geografio kaj soci-geografio, pri interlingvistiko, historio, politikaj sciencoj, merkatiko kaj estrado.

Pli detalajn informojn eblas ricevi ĉe la Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo (*telefono/fakso* +48-52-3461151, *retpoŝto* <turismo@bydg.pdi.net>).

## KIAL ILI NE VENAS?

*Por kio estas bezonata internacia lingvo? "Stulta demando, – verŝajne pensas vi. – Certe, por internacia komunikado". Sed en rusiaj E-aranĝoj plejparto (kaj pli ofte eĉ ĉiuj) de partoprenantoj estas rusparolantaj geesperantistoj, kiuj facile povas kompreni unu la alian per sia nacia lingvo. Eble, tio estas kialo de krokodileco dum multaj niaj E-aranĝoj?*

*Sed se la renkontiĝon hazarde partoprenas iu eksterlandano, kaj vi ekdeziros komunikiĝi kun ŝi aŭ li, do vi ne havos alian elekton krom paroli Esperante. Kaj nun imagu, ke al aranĝo venis multaj homoj el diversaj landoj. Ĉu tio ne estas bonega ŝanco praktiki la*

*lingvon kaj eksenti, kiom utila ĝi estas por vi?*

*Sed kial ni havas tiom malmulte da eksterlandaj gastoj en niaj aranĝoj? Por kompreni tion, la partoprenintoj de la maja ATS en Niĵnij Novgorod meditis: kio malhelpas al eksterlandanoj veni? La ATS-anoj faris la liston de eventualaj kialoj kaj dissendis ĝin al kelkaj konataj eksterlandanoj. Do, kiuj asertoj estas mitoj, kiuj – realo?*

**KIALO 1. Rusio estas tro fore (perdo de tempo por vojaĝo)**

*Sonja Petrović (Jugoslavio)* Ĝi estas iom fore, sed agrable atingebla per trajno kaj, certe, tio ne estas perdo de tempo.

*Nirab Kajastĥa (Nepalo)* Se vi konsideras la distancon for de Eŭropa parto de la mondo, mi ne pensas, ke Rusio estas vere fore.

*Håkan Lundberg (Svedio)* Jes, se ne temas pri Piter aŭ Moskvo.

*Aleks Kadar (Francio)* Iom ja, sed tio ne estas la plej grava problemo. Ja ekzistas aviadiloj.

*Bård Hekland (Norvegio)* Kompreneble foras, tamen ne estas diferenco por mi, ĉu veturi al Moskvo aŭ Italio. Por mezeŭropanoj tiu argumento validas kaj gravas. Tamen, la distanco donas ekzotikecon.

*Sjoerd Bosga (Nederlando-Svedio)* Ĉefe se oni volas nepre trajni aŭ bicikli. Sed, se serioze, tio estas tre relativa. Dependas de kie! Por svedoj ekzemple, flugo al Moskvo daŭras same longe kiel flugo al Amsterdamo. Se aranĝo komenciĝas per renkontiĝo en Moskvo aŭ Peterburgo, ĝi estas pli proksima al Svedio ol plej multaj aranĝoj. Por homoj, kiuj ne tiom kutimas flugi, la afero estas iom pli komplika – el Nederlando oni ekzemple facile trajnas al Italio, sed ne al Rusio. Kontraŭe, el orienta Eŭropo diferenco ne estas tiom granda (ankaŭ de kosta vidpunkto). Problemo estas aldona(j) vizo(j) por Ukrainio, kiu kuŝas laŭ la vojo. Ĉu eble estu antaŭaranĝo tie por allogi al tiu vojo? Indas substreki, ke Aeroflot havas tute bonajn prezojn, ke eblas ĉe ili akiri unudirektajn biletojn, kaj ke Aeroflot estas bonkvalita (ne komparebla kun ĝia reputacio).

*Ilja De Coster (Belgio-Rusio)* Ne pridubebla vero. Sed samtempe tio estas via pluso... iom pli fora, do pli ekzotika kaj tamen iom facile atingebla, kaj ne tiom multekostas enlanda vojaĝado. Indus aktive eluzi la aferon. Kaj, ekzemple, organizi ankoraŭ ion por resti pli longe ol nur dum OkSEJT. Ekzemple, karavanoj ekde la rusia landlimo por eksterlandaj vizitantoj.

**KIALO 2. Problemoj pri vizoj kaj oficistoj**

*S.P.* Mi ne spertis ion tian. Mi ricevis la vizon al Rusio kun multe malpli da komplikaĵoj, ol por okcidentaj kaj nordaj eŭropaj landoj, ekzemple.

*N.K.* Mi pensas, ke kun propraj dokumentoj oni ne devas havi iun problemon pri vizoj; same pri la oficistoj. Tamen mi ne povas diri, ke oficistoj ĉiam agas bonven-maniere (sed tiu problemo ekzistas ĉie, ĉu?)

*H.L.* Jes, prenas tempon kaj energion por akiri.

*A.K.* Antaŭ la vojaĝo kaj eĉ tie, en Rusio, tio evidentiĝis la plej-plej grava problemo! Bezonatis pli ol semajno kaj ĉ. 80 eŭroj por akiri la vizon, bezonatis semajnoj por ricevi de EoLA-j organizantoj la invitleteron, kaj en Ĉeboksari bezonatis 2 plenaj matenoj por registriĝi ĉe oficistoj. Poste problemoj ne finiĝis. En Moskvo mi ne registriĝis, ĉar rajtis resti 3 tagojn sen registriĝo, sed tamen devis pagi kaŝe monpunon al koruptita policisto!

*B.H.* Estas tre malfacile por tiuj, kiuj ne scias, kiel akiri vizojn. Ĉiam estas novaj reguloj kaj la rusia ambasadejo en Norvegio estas tre malbone administrata. Tio signifas, ke se vi volas eksterlandanojn, vi devas preti helpi pri vizoj. Plej facila maniero enirigi homojn miasperte estas pagi por invitilo de unu el la junulargastejoj en Moskvo aŭ Peterburgo.

*S.B.* Dufoje viziti ambasadon (se oni estas kataluno), 20 fojojn skribi al Katja por peti

plian helpon, surloke subaĉeti oficialulojn por ke ili traktu dokumentojn... Jes, problemoj... Sed fakte estas bariero ĉefe por tiuj, kiuj unuan fojon iras. Poste oni jam scias kiel ĉio funkcias, kaj ĝi ne plu estas tiom problema. Petu iun okcidenteŭropanon klarigi la aferon al siaj samlandanoj. (Kaj inter ni dirite, ne malbonas, ke okcidenteŭropanoj foje spertas tiajn problemetojn, kiuj estas vere etaj kompare al problemoj se vojaĝi en mala direkto).

I.D.C. Problemoj ekzistas, sed vi, rusoj, ja helpos en tio, kaj ĝi iĝos iel travivebla.

**KIALO 3. Estas pluraj problemoj: kriminalo kaj necerteco pri io**

S.P. Tute ne! La lando sentiĝis tre sekura kaj homoj helpemaj.

N.K. Ni povas pli bone gardi nin. Krome, diru al mi, kie estas certeco pri io?

H.L. Iom da timo restas en svedoj pri la "komunistoj". Serioze, la lingva problemo iom ĝenas – malfacilas senti sin tute sekura kiam oni ne povas paroli kun homoj nek legi la ŝildojn.

A.K. Tiuj problemoj ne aperis ĉe mi.

B.H. Multaj homoj timas Rusion, mi kompreneble ne. Estas lando, kie apenaŭ helpas scioj de la angla kaj kie multaj praktikaj aferoj funkcias malsame ol en okcidenta Eŭropo. Tial vi devas preti renkonti eksterlandajn gastojn kaj helpi ilin survoje al la aranĝloko.

– Diru al mi, s-ro Kruko, – demandas la ĉefo, – kiom da personoj laboras en via sekcio?
– Nu, proksimume la duono.
***(esperanto-anekdotoj)***

S.B. Rusio estas ja plene aĉa kaj nesekura! Prenu tiun ekzemplon laste pri tiuj aviadiloj, kiuj – Oĥ, tio ne estis Rusio!… Forgesu pri tiu "problemo". Demandu iun ajn okcidentanon, kiu vizitis Rusion, – oni povas senti sin vere sekure tie. Estas sufiĉe da landoj kie tio ne veras.

I.D.C. Nu, vi nuancigu, aliaj landoj pli malsekuras.

**KIALO 4. Estas malbona vetero: malvarme**

S.P. Somere? Mi dubegas. Dum aliaj sezonoj eble jes iom, sed ankaŭ tio estas iuspeca travivaĵo.

N.K. Rusio ja estas fama pri tio! Ne sperti rusian veteron signifas ne koni Rusion! Ekkonu la rusian veteron (vintron, pli bone), kaj vi ekkonos la varmecon en homoj.

H.L. Ne estas problemo.

A.K. Mi atendis fakte pli malvarman veteron; tie estis seniluziige varme!

B.H. Tio ne gravas, miaopinie.

S.B. Jes, eĉ meze de somero kompatindaj kongresanoj en IJK en Serovo frostiĝis nokte en siaj tendoj kaj ne povis iri naĝi (cetere, la maro tro malprofundas entute!). Evitu la vorton "Siberio", ĉar ĝi sonas treege malvarma en oreloj de okcidentanoj. Menciu averaĝan temperaturon en somero! Kaj se vi volas fari aranĝon en vintro – nu, tio havas sian apartan allogon!

I.D.C. Somere certe ne, krom se ie en fora nordo...

**KIALO 5. La vojaĝo al Rusio estas tro multekosta**

S.P. De Jugoslavio – ne.

N.K. Jes, por studentoj la vojaĝo estas altkosta, speciale se veturi de Nepalo…

H.L. Jes, ĝenerale kostas pli ol vojaĝi suden.

A.K. Por frenezuloj kiel mi, ne gravas la kosto! Se oni gajnas monon, eblas vojaĝi.

B.H. Kompreneble. Se homoj en Meza Eŭropo povas ĉeesti dekojn da aranĝoj en proksimaj landoj jare, ili ne emas pagi flugbileton al fora Rusio. Krome tiuj homoj havas aliajn ideojn ol ni pri distancoj. Ili kutimas ĉion atingi ene de kelkaj horoj, tagnoktaj trajnvojaĝoj tre fremdas. Sed eble vi povas ĝuste per tio "ekzotikigi" viajn aranĝojn.

S.B. Estas malproksime, kaj ankaŭ vizoj kostas. Do, entute multe tro! Sed menciu, kiom

kostas trajnvojaĝoj en Rusio, aŭ manĝoj, kaj mi pensas, ke Rusio ankoraŭ povas aperi al okcidentanoj kiel malmultekosta lando. Ne atendu tro longe...

I.D.C. Nu, ne nepre, kaj se iel havi iujn karavanojn de landlimo, tio ne estos tro granda problemo. Eblas tiel malkostigi la vojaĝon.

**KIALO 6. Loĝkondiĉoj: eĉ duŝejo ne ĉiam estas**

S.P. Mi ne spertis ion similan.

N.K. Manko de duŝejo ne tiom gravas, kiam oni povas ĝui kunecon de tiom da amikoj!

H.L. Mi neniam forgesos la malvarman akvon dum EoLA-2001, ankau la manĝaĵoj ne estis tiom ĝojigaj por vegetarano…

A.K. La unuan tagon ne estis akvo entute en la duŝejo, sed poste estis akvo, eĉ iom da varma...

B.H. Tute negrave por mi, eble tio estas pli grava problemo por maljunulaj aranĝoj.

S.B. Aĥ, almenaŭ estas konate, ke rusaj esperantistoj tre zorgas, ke estu pordoj por necesejoj kaj foje eĉ papero antaŭ ol venas eksterlandanoj. Kaj foje ili eĉ sukcesas funkciigi la duŝejon en sanatorio je du horoj pli longe por ke eksterlandanoj povu ilin uzi. Sed malbonas ke dum mateno oni ne rajtas uzi duŝojn ĉar tiam oni ilin purigas – Oĥ, pardono, tio estas en suda Germanio!… Estas punkto, pri kiu necesas atenti. Stato de necesejoj (papero) kaj duŝejoj estas grava por la bonfarto de okcidenteŭropanoj.

I.D.C. Veras foje, kaj por iuj tio efektive ne evidentas. Sed eble po iomete vi povas trovi solvojn por tio?

**KIALO 7. Neniu scias pri rusiaj E-aranĝoj**

S.P. Kiu neniu? Tiu devus kleriĝi sufiĉe tuj.

N.K. Ne, mi certas, ke multaj seriozaj e-istoj scias pri rusiaj E-aranĝoj. Mi persone konas e-istojn el diversaj partoj de Eŭropo, kiuj multfoje partoprenis rusiajn E-aranĝojn kaj ankoraŭ volus.

H.L. Aŭdis pri – multaj, sed ili ne vere scias. Tio estas opinio de SEJU-anoj, miakrede.

A.K. Vi pravas, ne estas sufiĉe da varbado al okcidenteŭropaj asocioj. Oni devas mem informiĝi kaj interesiĝi pri la rusiaj aranĝoj.

B.H. Tamen ili estas bone reklamataj, do mi pensas, ke tio ne validas.

S.B. Kompreneble, ja ne ekzistas informiloj, disdonataj en IS, kaj laŭdire oni ĉiam nur lastmomente decidas pri la ejo, dato, ktp. Krome, la ejoj entute ne estas troveblaj aŭ atingeblaj – oni anoncas nur nomon de granda urbo, kiu troviĝas foje je kelkaj horoj for... Dum tiu tempo en okcidenta Eŭropo oni povus vojaĝi de unu urbo al alia. Mi jam delonge diras ke indus pli reklami viajn aranĝojn! Sed iuj ja scias kaj transdonas siajn bonajn spertojn al aliaj. Mi pensas ke poiomete tamen la renkontiĝoj iĝis pli konataj jam. Jam multas la uloj kun rusaj amikinoj, kiuj diskonigas la renkontiĝojn al siaj amikoj.

**KIALO 8. Rusiaj E-aranĝoj ne estas interesaj**

S.P. Mi ne konsentas. Vi estas unu el la plej bonetosaj landoj, kiujn mi spertis. Ĉiuj partoprenantoj trovas lokon por si mem kaj estas afablaj al aliaj... Krome, agrabla muziko kaj, miasperte, sen tro da drinkaĵoj, fumado ks.

N.K. Mi ne konsentas.

H.L. Certe ili estas! Vi rusoj bonege parolas E-on kaj vigle kondutas.

A.K. Male!

B.H. Tiu kaj la sekva aserto estas la plej gravaj por mi persone, kaj eble ankaŭ por aliaj. Legante pri aranĝoj en Rusio, mi konstatas, ke preskaŭ ĉiuj ŝajnas distraj. Mi ne emas nur amuziĝi, kanti ĉefajre aŭ korpopentri. Multe pli allogas la seminarioj en TEJO, kie oni faras kaj diskutas ion pli seriozan (kaj kompreneble ankaŭ amuziĝas).

*S.B.* Neniu scias, kio okazas tie, neniu iras, do certe estas malinterese! Viaj renkontiĝoj estas aliaj... Sed diversaj homoj serĉas diversajn aferojn – por iuj taŭgas, por aliaj ne. Tamen rusiaj aranĝoj estas interesaj verŝajne por vere multaj homoj – jam por sperti ion alian ol kutimajn por ili aranĝojn. Indas tamen priskribi iujn partojn de la programo tiel, ke sonu alloge, provi komuniki etoson, mencii muzikon, amikecon, romantikon...

**KIALO 9. Dum Rusiaj E-aranĝoj oni multege krokodilas**

*S.P.* Hm, denove, laŭ mia sperto, ne. Nivelo de la rusia Esperanto estas sufiĉe alta, mi pensas. Kaj nur rusoj (tiom kiom mi aŭdis) havas akrajn 'punojn' por krokolidado dum aranĝoj, eĉ por komencantoj.

*N.K.* Do, spertuloj devas zorgi pri la lingva strikteco. Novuloj, kiuj venas partopreni, ankaŭ volas esti parto de ĉio. Kun propra gvido la krokodilado inter novuloj kaj spertuloj povas esti minimumigita. Provu ni.

*H.L.* Tute ne estas problemo. Laŭ mi, kompare al aliaj landoj vi vere malkrokodilas!

*A.K.* Fakte, mi iom kritiketis la troan krokodiladon de rusoj dum EoLA, sed kompare kun krokodilado de francoj estis laŭdinde malmulte.

*B.H.* Ankaŭ estas tre grave. Mi ĉeestas Esperantajn aranĝojn parte pro tiu nepriskribeble bona sento esti en plene internacia medio. Babili iom kun germano, ludi kun italino, diskuti kun japano ktp. En Rusio (kompreneble pro tio, ke preskaŭ ĉiuj estas rusparolantoj) mi sentas min vizitanta eksterulo (nu, mi ne havas tiom da spertoj, sed almenaŭ tiel mi sentis dum mia unua aranĝo en Rusio). "Vizitanta eksterulo" en Rusio mi estis dum 15 monatoj, do mi ne devas veturi al Esperantaj aranĝoj por tion sperti.

*S.B.* Kaj se parolas Esperanton, faras tion en aparta dialekto kun stranga vortordo, esprimoj kaj vortoj! Sed ĉu oni krokodilas en Rusio pli ol en aliaj landoj? Mi ne scias, ĉu iu tiel pensas. Mi pensas, ke ne. Pensu ankaŭ pri aparta allogaĵo por esperantistoj: organizu lingvokurson! Estas tute nekredeble kiom da esperantistoj nuntempe parolas la rusan aŭ ĝin lernetis aŭ volus ĝin lerni, laŭ mia sento. Kial ne fari unusemajnan lingvokurson antaŭ renkontiĝo? Post tiu kurso homoj jam malpli ĝeniĝos de krokodilado...

*I.D.C.* Nu, eble la lastaj tri asertoj veras. Sed vi rusoj... estas via tasko ŝanĝi tion ĉi: informu pri viaj aranĝoj, havu interesajn programojn (mi scias ke vi kapablas tion en Rusio bone), kaj malpli krokodilu.

## LEGU BONAJN LIBROJN!

"Rakontu al mi iom pri vi mem, kaj pri la lando el kiu vi venis", – diris la Birdotimigilo, kiam ŝia manĝo estis finita. Do ŝi informis lin pri Kansas, kaj la grizeco de ĉio tie, kaj kiel la ciklono portis ŝin al ĉi tiu kurioza Lando Oz. La Birdotimigilo atente aŭskultis, kaj diris:

"Mi ne komprenas kial vi volas foriri el ĉi tiu bela lando kaj reiri al la sekega, grizega loko, kiun vi nomas Kansas".

"Vi ne komprenas, ĉar vi ne havas cerbon, – respondis la knabino. – Ne grave kiom mizeraj kaj grizaj niaj hejmoj, ni karno- kaj sango-homoj preferas loĝi tie ol en iu alia lando negrave kiom bela. Nenio egale bonas kiel la hejmo".

La Birdotimigilo ĝemis.

"Verdire mi ja ne povas kompreni, – li diris. – Se viaj kapoj estus plenaj de pajlo, kiel la mia, vi verŝajne ĉiuj loĝus en la belaj lokoj, kaj sekve tute mankus homoj en Kansas. Estas bonsorte por Kansas ke vi havas cerbon".

***el "La Mirinda Sorĉisto de Oz", verkis L.Frank Baum, esperantigis Donald Broadribb en la ĉapitro 4 la tekston trovis Sl. Ivanov***

# Eksciu, ke...

## NOVA KOMITATO DE JEAĈR

En Ĉeboksari estis elektita nova komitato de Junulara E-Asocio de Ĉuvaŝa Respubliko:
**Konstantin Viĥrov** – Prezidanto (ĝenerala kunordigo, laboro kun membroj)
**Oljga Grigorjevskaja** (la taskoj determiniĝos en plej proksima tempo)
**Lubovj Ĥaritonova** (rapida informado, ArKo – almanako "Arta Koktelo")
**Danil Kapitonov** (eksteraj rilatoj, projektoj, Jarlibro 2003)
**Pavel Korĉagin** (financoj, kotizoj, kolekto de dosieroj pri "100 frazoj")
**Ludmila Maksimova** (reprezento de la Asocio en Ronda tablo de junularaj organizaĵoj, helpo al Olesja pri projektoj, ArKo)
**Olesja Oŝĉepkova** (projektoj, eksteraj rilatoj)

Krome funkcios komisiitoj:
**Sergeo Tureckij** (biblioteko (kun Viktor Nosov), libroservo)
**Sergeo Tiĥonov** (Interreto, kreaj aferoj)

Krom disdivido de la taskoj la komitatanoj difinis en la unua kunsido jenajn principojn de sia funkciado:

– dume ne estos respondeculo pri kluba laboro, okazos "kluba vaĉo" inter grupoj de komitatanoj kaj aktivuloj;

– ankaŭ ne estos sola respondeculo pri aranĝoj – ĉiu komitatano havos "propran" aranĝon, kiun ŝi/li kunordigos, kaj partoprenos laŭeble ĉiu;

– ekde nun ĉiuj komitatkunvenoj estas malfermitaj, do bonvenas ĉiu interesiĝanto pri nia agado;

– la komitato penos renkontiĝi ĉiusemajne.

***amike, Konstantin Viĥrov (Ĉeboksari)***

## ESPERANTUJO ATENDAS INFANOJN EN LA NORDO

*35-a Internacia Infana Kongreseto (IIK), Lerum, Svedio, 26.07 – 02.08.2003*

La Infana Kongreseto en 2003 okazos en apudlaga feria centro Knappekulla, en la komunumo Lerum, 18 kilometrojn oriente de Gotenburgo. Loĝigo okazos en seso da lignaj dometoj, en salonoj kun inter 1 kaj 8 litoj. Aparta domo provizas manĝsalonon kaj kunvenejon. La domoj estas apudaj kaj situas nur cent metrojn for de la lago, kie eblas naĝi. Apude estas arbaro, kie eblas trovi kaj pluki bongustajn mirtelojn kaj diversajn fungojn. Ne tro for estas farmbieno kun ĉevaloj. Estas ekstere tabloj, benkoj, kradrostejo kaj sporta tereno. Ĝi estas trankvila loko, sed ne tute izolita. La loĝigo estos konvena sed modesta. Infanoj devos kunporti proprajn littukojn kaj bantukojn. Ekskursplanoj estas en preparo.

Inter eblaj programeroj estas manlaboroj, muzikado, kukbakado, paperfaldado, kvizoj kaj aktorado, dum ekstere estos sportoj, promenoj kaj akvo-ludoj. Estos konvenaj gvidantoj (ni celas unu por ĉiu kvino da infanoj, almenaŭ unu sveda lokulo). En la kuirado eblos atenti la dietajn bezonojn/dezirojn de infanoj. La kotizoj por B-landoj ĝis la 31-a de januaro 2003 estas 165 eŭroj. La kotizo kovras kostojn de transporto, restado, tri manĝoj tage kaj programo de la vespero de la 26-a de julio ĝis la mateno de la 2-a de aŭgusto. Ĝi inkluzivas neniun asekuron, kiun la gepatroj mem devas prizorgi, liverante pruvilon pri tio. Ni akceptas nur infanojn kiuj jam komprenas kaj parolas Esperanton, tiuj povas veni el E-familioj aŭ lernejaj klasoj. Infanoj, helpantoj kaj gvidantoj ricevas aŭtomatan kaj senpagan aliĝon al la UK. Infanoj post la unua en familio kaj akceptitaj helpantoj ricevos rabaton de 15%. Estas je

dispono nur kvardek lokoj. Informiloj kaj aliĝiloj estas dissenditaj kun “Juna amiko” 2002/4 kaj estas petebla de la Centra Oficejo aŭ la komisiito: Stefan MacGill, Pannonia u. 30/I/6, HU-1136 Budapest; tel. +36-1-349-5207; <stefan.macgill@galamb.net>.

Proponoj kaj sinproponoj por gvidantoj kaj helpantoj estas bonvenaj nun, ĉar tiuj estos deciditaj komence de 2003.

***(landa-agado)***

## JUNIA PRINTEMPO EN MIELNO

Pola Esperanto-Asocio organizas dum 17-25-a de junio 2003 la 25-an Ĉebaltan Esperantistan Printempon kun riĉa kaj varia E-programo. Tiu ĉi internacia aranĝo okazos en la atrakcia kaj ĉarmoplena ripozloko Mielno, pitoreske situanta inter Balta maro kaj la lago Jamno, 12 km nordokcidente de la vizitinda distrikta urbo Koszalin. La programo de la 25-a ĈEP antaŭvidas interesajn prelegojn kun videofilmoj, konkursojn kun multaj premioj, 2 busajn ekskursojn al vizitindaj urboj, ĉiutagan kantadon, dancadon kaj lingvoperfektigadon. La dezirantoj povas ekscii la detalojn kaj aliĝi laŭ la adreso – Pola Esperanto-Asocio, p/k 30, 75016 Koszalin-1, Pollando; kontakta telefonnumero +48-503-417825 (petu s-ron Baranowski).

## EN LA MONDON VENIS NOVA DOMO!

Anatolo Gonĉarov skribis pri Esperanta Kultura Centro / E-Domo en Rusio. Mi volas rakonti pri la praktika sperto de kalugano, esperantisto Petro Sjutkin. Li fakte jam faras vere sendependan privatan “Esperantan Teritorion”. En liaj planoj estas organizi apud Kaluga Esperanto-Centron kun agrikultura fako, ekonomia entrepreno, turismaj servoj kaj aliaĵoj.

Antaŭ kelkaj jaroj nia samideano aĉetis en pitoreska vilaĝo malgrandan, malnovan dometaĉon kun sufiĉe granda terspaco. Laŭ vidpunkto de turisto-esperantisto la loko estas preskaŭ ideala. La vilaĝo nomiĝas Gorenskoje, situas sur monteto. Certe, ne Uralo, ne Svislando, tamen la ĉirkaŭaĵoj aspektas ne enue, sufiĉe agrable. La “bieno” de Petro staras iom flanke, aparte de najbaraj mastrumejoj. Krom propra teritorio apude estas sufiĉe granda “nenies” herbejo. Ĉu estas arbaro? Certe estas, tute apude. En la pasinta “afrika” somero estis problemoj pri akvo. Sed en la vilaĝo funkcias puraj fontoj, kaj Petro eĉ intencas fosi sufiĉe grandajn basenon kaj lageton.

En la naskiĝanta E-mastrumo jam estas kokinoj, kaprinoj, hundidoj. Estonte oni planas akiri bovinojn, ŝafinojn, porkojn… Inter napoleonaj planoj de sinjoro Sjutkin estas jenaj – konstrui forĝejon, kafejon, malgrandan hotelon por esperantistoj kaj aliaj turistoj. La vintro ĉi-loke estas sufiĉe bela, alloga por skiistoj. Mi volas eĉ iomete ironii: la gastoj-krokodiloj en la kafejo “Esperanto” trinkas verdkoloran vinon kaj intertempe lernas la internacian lingvon…

Dume el civilizaciaĵoj estas nur elektro kaj 2 aŭtoj, kiuj funkcias kiel traktoroj. La 4-14-an de junio 2003 Petro kun kelkaj helpantoj jam intencas organizi la 1-an E-renkontiĝon en sia vilaĝo Gorenskoje. La iniciatinto esperas, ke venos veraj turistoj-esperantistoj, kiujn ne timigas dumaj spartaj kondiĉoj. Por loĝado estas sufiĉe moderna fojnejo. Certe, sufiĉas lokoj por turistaj tendoj.

Kiom kostos por dezirantoj la partopreno en nia renkontiĝo? Fakte mono bezonatas plejparte por la vojo kaj por manĝado, ĉar la loĝado estos senpaga. Certe, krom kutimaj ekskursoj (diversaj muzeoj ktp.) surloke estos ankaŭ la ekskluzivaj, ekz. al Ŝtata Muzeo de kosmonaŭtiko, domo de Ciolkovskij… Partoprenkotizo estos simbola, nur 10 rubloj. La organizantoj uzos ĝin por utilaj suveniroj.

Gravas la demando pri manĝado. Ĉi-rilate Petro esperas pri turista mempriservado. Di-

versaj produktoj en la vilaĝo sufiĉas, loko por lignofajro estas. Tamen – mi opinias – la organizado, koordinado flanke de la mastro necesas. Des pli, ke en la programo de la renkontiĝo estos ne nur tradiciaj lekcioj, ludoj, ekskursoj, sed ankaŭ ioma laboro por konstruo kaj ordigo de la “Esperantista Bieno”.

Do, la invitantoj esperas, ke venos ne nur ripozantoj. Petro proponas por seriozaj esperantistoj resti ĉi tie por tuta somero, aŭ por konstanta loĝado en la vilaĝo kaj en Kaluga.

Kompreneble, ne sinjoro Sjutkin, sed la komuna afero bezonas sponsoradon, helpadon. De tio dependas, ĉu la konstruado daŭros longan tempon aŭ nur du-tri jarojn.

La vilaĝo Gorenskoje troviĝas 4 km for de la elektrotrajna stacio Sadovaja, al kiu oni povas veturi el Moskvo (Kieva stacidomo), el Smolensk aŭ el Brjansk. Atentu, ke estas ankaŭ la stacio Gorenskaja, sed ĝi ne estas oportuna por veni la vilaĝon.

Ni volonte respondos viajn konkretajn demandojn. Nia poŝta adreso estas: P.A.Sjutkin, str.Moskovskaja 313 – 71, 248012 Kaluga; la telefonnumero (0842) 529293.

Bonvolu proponi viajn ideojn, praktikajn programerojn, viajn materialojn por ekspozicio ktp. Vin atendas sendependa duonsovaĝa E-teritorio, libera esperantista vivo, laboro, ripozo!

***Vladimir Ĉernov (Kaluga)***

## BONVENON AL HAVANO!

Havano fariĝos denove ĉefurbo de Esperanto okaze de la 6-a Tutamerika Kongreso de Esperanto (TAKE), kiu sesios en Kubo de la 21-a ĝis la 27-a de marto 2004. Pluraj aspektoj pravigas la elekton de Kubo por gastigi la 6-an TAKE, inter ili la prestiĝo de Kuba Esperanto-Asocio kaj la sperto, akirita dum la 23-jara ekzisto, dum kiu ĝi sukcesis okazigi diverstipajn internaciajn aranĝojn, kies kulmino estis la 75-a Universala Kongreso en 1990. Krome, la jaro 2004 markas la centjariĝon de Esperanto en nia insulo.

Sub la temo “Kia Esperanto-movado por Ameriko?” la kongresanoj ĝuos tutan semajnon de varia programo kun prelegoj, kunsidoj pri la amerika agado, rondaj tabloj, kulturaj vesperoj, ekskursoj kaj aliaj interesaj programeroj.

La Loka Preparkomitato de la 6-a TAKE invitas vin veni al Kubo kaj esperantumi en nia kariba insulo, kie Esperanto estas solida kaj matura kaj kompreneble oni organizos antaŭkaj postkongresojn por ebligi al ĉiuj partoprenontoj pli longan restadon en nia lando kun la ĉiama gastamo de la kuba esperantistaro.

Kiel TAKE-premieron, ni organizos la Unuan Tutamerikan Infanan Kongreseton, kio ebligos al multaj infanoj en la regiono konatiĝi kaj kunrestadi, dum la pliaĝaj samideanoj klopodos trovi rimedojn por ampleksigi la agadon.

Ni planas organizi ankaŭ la 1-an Tutamerikan Kulturan Festivalon (Santiago de Cuba, 2005) kaj la 2-an Iberamerikan Konferencon “Esperanto ‘06” (la unua ankaŭ okazis en la kuba ĉefurbo en 1988), ĉi-foje kun emfazo pri la temoj esperantologio kaj interlingvistiko.

La Tutamerikaj Kongresoj de Esperanto ĝuas tradicion de pli ol dudek jaroj. Post la du unuaj (sub la nomo Amerika Kongreso, kaj sen difinita ofteco), ekde la 3-a TAKE okazinta en Kostariko en 1996, tiuj eventoj reguliĝis ĉiun trian jaron laŭ geografia ordo: Centrameriko, Karibio, Sudameriko kaj Nordameriko. Same en Kostariko oni decidis nomi la kongresojn tutamerikaj. Rezulte de tiu decido, la 4-a TAKE (1999) okazis en Bogoto kaj la 5-a (2001, ne en 2002 por eviti ĝian koincidon kun la UK en nia regiono samjare) en Meksikurbo.

Loka Preparkomitato de la 6-a TAKE: KUBA ESPERANTO-ASOCIO, Poŝtfako 5120, CU-10500 Havano, Kubo; rete <kubesp@ip.etecsa.cu>.

***(landa-agado)***

## JUBILEO DE VLADIMIR VARANKIN (1902 – 1938)

Ĉi-jare ni celebras la 100-an datrevenon de la naskiĝo de talenta homo, elstara verkisto kaj movada organizanto Vladimir Valentinoviĉ Varankin.

Li naskiĝis la 12-an de novembro 1902 en Niĵnij Novgorod kaj pereis nur 35-jara en la fifama prizono Lubjanka (NKVD). Sed kiom multe li sukcesis fari dum sia kurta vivo! Kiel gimnaziano li en 1919 lernis Esperanton kaj dediĉis sian vivon al ties disvastigo, kaj lia konscia vivo precize "kovras" la tutan duan periodon de la ruslanda Esperanto-movado.

Li partoprenis en la fondo de SEU (1921) en Petrogrado kaj estis inter la gvidantaro de tiu Unio ĝis sia tragika morto. Oni povas diri, ke li "kolektis" la plej grandan kvanton de gvidpostenoj en SEU: vicprezidanto kaj unu el la sekretarioj de la Centra Komitato de SEU, responsulo pri la propaganda kaj organiza laboro, ĝenerala sekretario de la Tutrusia Komitato de SEU, estro de la Moskvaj ŝtataj kursoj de Esperanto kaj de la Centraj korespondaj kursoj de Esperanto.



V.Varankin estis ankaŭ membro de la Lingva komitato de SEU kaj de la Lingva Komitato (nun Akademio de Esperanto), redakciano de multaj revuoj, aŭtoro de du lernolibroj kaj de pluraj artikoloj pri metodiko kaj organizo.

Preskaŭ duonon de sia konscia vivo li servis en la armeo kiel politika funkciulo, klubestro kaj bibliotekisto. Li dediĉis multan tempon al klerigo de junularo, samtempe disvastigante Esperanton kaj organizante per Esperanto korespondadon kun eksterlanda laboristaro. Intertempe li finis fakultaton pri sociaj sciencoj ĉe la Moskva universitato kaj Instituton pri internaciaj rilatoj; poste li instruis ĝeneralan historion kaj oficis kiel direktoro de la 2-a Moskva ŝtata pedagogia instituto pri fremdaj lingvoj kaj kiel docento/katedrestro de la katedro pri ĝenerala historio ĉe la Moskva histori-arkiva instituto. Kaj en ĉiuj kampoj li aktive laboris, instruis, organizis, artikolis...

Kvankam li estis la "dekstra mano" kaj fidela helpanto de Ernest Drezen (la gvidanto de SEU), li ne estis fanatika kaj ekstremisma ano de la drezena koterio, kiu ofte praktikis maltoleremon kaj diktatorecajn fikutimojn kontraŭ alipensuloj kaj disidentoj en la landa kaj internacia movado: neŭtralistoj, idistoj, burĝoj, "social-faŝistoj" ktp.

Sed la plej grava atingo de Vladimir Varankin sendube estas lia romano "Metropoliteno", kiun William Auld nomis "forgesita ĉefverko" kaj metis en la liston de 50 klasikaj literaturaj verkoj en Esperanto.

La centra temo de la romano estas konstruado de subteraj fervojoj en Berlino kaj en Moskvo dum la jaroj 1928 –1929. Juna sovetia inĝeniero Vitalij Zorin venas en Berlinon por studi tie la metodojn de konstruado de metropoliteno.

Sed Vitalij ne nur studas la konstru-metodojn, sed ankaŭ observas la vivon de l' giganta urbego, la socion kaj ties kontrastojn, partoprenante en la klasaj luktoj de la germana prole-

taro. Samtempe li verkas biografian romanon en formo de taglibro, kiun li volas eldoni germanlingve en Germanio por montri al siaj germanaj konatoj specifecon de la problemoj starantaj antaŭ la juna soveta respubliko.

Antaŭ lia mensa rigardo defilas lia duonmalsata infanaĝo, juneco, rusa vilaĝo detruita de la milito, lia malsukcesa edziĝo kaj la eta fidema estaĵo – lia filineto, simila al fabela feino. Li vivece memoras sian batalon kontraŭ burokratoj kaj eĉ klasaj malamikoj, kiuj ŝtele englitis en la organojn de la ŝtatregado; ili strebas draste malutili al la juna Sovetio kaj detrui ĝiajn regaparaton kaj ekonomion.

La batalo disvolviĝas cirkaŭ konkreta demando: ĉu oni devas aŭ ne devas konstrui metropolitenon en Moskvo? Burokratoj, konservativuloj kaj ankaŭ maskitaj malamikoj ege kontraŭstaras. Ja la metropoliteno forigus iliajn privilegiojn, profitdonajn postenojn kaj ebligus radike solvi la akran problemon de la urba trafiko. La trivita trama reto jam delonge ne sukcesas solvi la taskon kaj minacas per totala kolapso...

La nekutimaj strukturo kaj verkmaniero donas al la romano unikan karakteron. En ĝi estas multaj kortuŝaj paĝoj, dediĉitaj al vigla priskribo de la rilatoj inter la rolantoj: tenero kaj amo, scenoj de malfido kaj repaciĝo, laborentuziasmo, barikadaj bataloj kaj kruela mortigo de laboristoj sur stratoj de Berlino. De tempo al tempo la rakonto iĝas vere detektiveca. Viglaj dialogoj kaj majstra pentrado de homaj sentoj kontribuas al alta kvalito de l' romano. La libro estas tute aktuala kaj krome enhavas plurajn fonajn informojn pri la tiutempa Sovetio.

***Nikolaj Stepanov (Moskvo)***

## KIO FURORIS EN FORTALEZA?

Plej multe oni aĉetis portugallingvajn vortarojn de E.M.Machado kaj J.Paluzie-Borrell (160 kaj 80 venditaj ekzempleroj respektive). Tuj poste sekvas la nova eldono de UEA – "Vojaĝo en Esperanto-lando" de B.Kolker (54 ekz.) kaj alia UEA-eldono – Baza Esperanta Radikaro de W.Pilger (50).

Se oni tamen atentas la prezojn de la furoraĵoj, tiukaze la senduba ĉampiono de la libroservo estis la nova Plena Ilustrita Vortaro, eldonita de SAT. Da ĝi estis venditaj 30 ekzempleroj, ĉar nur tiom oni sukcesis alveturigi.

## NOVA RENKONTIĜO KUN ZINAIDA KAZAROZA

***Леонид Юзефович. Казароза.*** *М.: Зебра Е, ЭКСМО, Деконт+, 2002. – 286 с.*

Leonid Juzefoviĉ estas konata romanisto, la unua laŭreato de la premio "Nacia furorlibro" ("Национальный бестселлер"). Kvankam la dorsa kovrilpaĝo afiŝas la libron kiel lian novan romanon, fakte ĝi estas nova versio de la ampleksa novelo "Klubo 'Espero'" ("Клуб 'Эсперо'"), aperinta en 1981 en la revuo "Ural" kaj poste libroforme. Certe pluraj esperantistoj konas tiun verkon – almenaŭ laŭ la fragmento, aperigita en la elementa lernolibro de B.G.Kolker.

Tamen se vi ne scias – jen tre skize la enhavo. En 1920 E-klubo de provinca rusia urbo aranĝis publikan vesperon. Tie gastrolanta en la urbo ĉarma petrograda kantistino Zinaida Kazaroza (laŭ iuj informoj – reala persono, avino de la aŭtoro), speciale ellerninte la vortojn, kantis esperantigitan romancon, kaj dum la kantado iu el la halo pafis kaj mortigis ŝin. Okazis serĉado de la pafinto, aperis kaj forfalis pluraj versioj, ĝis fine troviĝis la kulpulo, kiu fakte celis alian personon. Post 55 jaroj du protagonistoj (unu el ili estis esperantisto) hazarde renkontiĝas en la sama urbo kaj rememoras tiun historion.

Fakte "Kazaroza" estas ne kosmetike polurita nova eldono, sed plene reverkita teksto. Tio kompreneblas: ja dum la du jardekoj multo ŝanĝiĝis – ni vivas en alia lando, en aliaj sociaj kondiĉoj; ankaŭ la aŭtoro mem, iama lerneja histori-instruisto el Permj, iĝis profesia




moskva verkisto. Kvankam la ĉefa eventlinio restis la sama, pluraj figuroj de la romano ekhavis aliajn rolojn kaj ŝanĝis nomon, profesion, naciecon aŭ eĉ sekson; kelkaj tute malaperis, iuj sennomuloj ricevis nomojn, ktp. La aŭtoro enkondukis multajn novajn epizodojn kaj facetojn.

Por ni estas aparte interese, ke la E-fono de la romano ne nur restis (kvankam ne plu en la titolo), sed esence plivastiĝis. Post la apero de "Klubo 'Espero'" L.Juzefoviĉ ricevis plurajn reeĥojn de esperantistoj, eĉ okazis legantara konferenco kun lia partopreno en iu el uralaj E-renkontiĝoj. Tiam certe oni ne povis ne riproĉi lin pri lingvaj fuŝetoj, i.a. ke li entekstigis "kusis" anstataŭ "kuŝis". La aŭtoro tion notis kaj sprite forigis la mison: nun Kazaroza provlegante la romancotekston prononcas "kusis", kaj la esperantista protagonisto ŝin korektas, atentigante ke *s* kun la ĉapeleto estas *ŝ*.

Evidente la aŭtoro ne perdis intereson al Esperanto kaj, pli vaste, interlingvistika problemaro. Ekzemple, en "Kazaroza" ni renkontas propagandistojn ne nur, kiel en la antaŭa versio, de Esperanto, Ido kaj la ekzotika Ao: la lingvo Nepo, en la antaŭa versio nur pretere menciata, ricevis konkretan adepton, kiu eĉ estis unu el suspektatoj pri la murdo. La pluraj esperantistoj de la romano pli reliefe reprezentas diversajn movadajn fluojn tiutempajn (proleta esperantismo, maldekstra homaranismo, hilelismo k.a.) kaj vigle interdisputas. Ne mankas aludoj pri diversaj cirkulantaj en la movado legendoj, ekz. pri deveno de la ruĝa stelo el la verda aŭ pri esperantisteco de la popola komisaro Krilenko.

En la romano ni renkontas menciojn pri Zamenhof (kun la kromnomo-titolo Nia Majstro, sed kun kelkaj fantaziaj eroj de la biografio), Lanti, Devjatnin; krome aperas samnomuloj de konataj esperantistoj: E-instruisto Miĥail Isajeviĉ havas la familinomon Varankin, kaj kunposedanto de londona banko, tenanta esperantistan monon, estas Ertl (por nesciantoj: la familinomo de eksredaktoro de "Esperanto")! La bazaj dokumentoj pri hilelismo kaj homaranismo (paĝoj 162-165, 176-177) supozeble estas apokrifaj, almenaŭ se kompari kun respektivaj traktaĵoj de Zamenhof en ties Originala Verkaro. Tamen la mota-alvoka alineo antaŭ la homaranismaj tezoj estas prenita el reala broŝuro[1]. En "Klubo 'Espero'" tiuj vortoj ja estis atribuitaj ĝuste); kial nun la aŭtoro prezentas tekston verkitan de socialistoj kvazaŭ homaranisman – la demando certe estas interesa.

Pri E-istoj de 1975 temas nemulte, sed plejparte versimile: internacia kluba korespondado, tipa varba afiŝo, tendaroj kaj eĉ enmanigata tie blovkrokodilo... Sed verdaj hararrubandoj de junaj esperantistinoj – hm, ĉu estis tio?

En la romano kelkfoje iom mistike rolas la nombro 8: estas 8 direktoj de la horizonto (4 ĉefaj kaj 4 helpaj); la nomoj Kazaroza, Babilono (tre ofte menciata) kaj la vorto "homarano" estas 8-literaj; kaj eĉ la gramatikaj reguloj de Esperanto dividiĝas je 8 bazaj kaj 8 aldonaj. Tamen ankaŭ la gravan por ni nombron 16 la aŭtoro ne evitis: en la libro estas 16 ĉapitroj;

---

[1] Р.Цывинский и Т.Сикора. Манифест Союза Социалистов-Эсперантистов. – [Выборг], 1917. – С.16.

mi kredas, ke ne hazarde.

Legu la libron, rigardu antaŭlongajn kaj antaŭnelongajn eventojn tra la sagaca prismo de Leonid Juzefoviĉ – kaj eble vi komprenos iomete pli pri niaj avoj, patroj kaj pri ni mem.

***Viktor Aroloviĉ (Moskvo)***

## APERIS “ORAJ KANTOJ-3”

La disko havas la titolon “La lingvo por ni” kaj konsistas el 22 kantoj: *En la tempoj de fama BET; Ĉiu, ĉiu, ĉiu; Guantanamera; La pipo; Mariŝa, kisu min; Tum-balalajka; Vivo-viveto; Kukolo; Verda folieto; Turista kanto; Ta-ka-ta-ka, ta-ka-ta-ka; Apudmoskvaj vesperoj; Verda faetono; Pluvo kaj vent’; Se mi plaĉas al vi; Nia trajno; Lulkanto; Brava bardo; La kri’; Kanto de l’ amikoj; Pasis jam; Adiaŭ, la Esperantujo.* La daŭro estas iom pli ol 54 minutoj. La disko estis registrita novembre en Tiĥvin. Kompare al la unuaj du diskoj iom ŝanĝiĝis konsisto de la kantistoj, ĉi-foje tiuj estis Marija Koĉetkova, Evelina Sokolova, Oksana Zvereva, Mikaelo Bronŝtejn, Oĉjo Dadaev, Vitalij Malenko, Andrej Obrezkov, Aleksandr Osokin. La kovrilon por “La lingvo por ni” preparis Onjo Ĉerniŝova. La prezento de la disko okazis dum la 22-a REK en Puŝĉino. La disko estas aĉetebla kontraŭ 120 rubloj en la Libroservo de REU. Estas planate aŭtune 2003 aperigi la kvaran diskon en la serio, kiu konsistos el la plej bona kantoj de Mikaelo Bronŝtejn.




## NOVA KODISKO EL TIĤVIN

“Esperantujo mia...” – estas la koncerto el movadaj kantoj de Bruna Ŝtono, prezentita kaj registrita en oktobro 2002 en la studio de Tiĥvina artlernejo. Bruna Ŝtono (Mikaelo Bronŝtejn), kiu sur la kovrilpaĝo estas fluganta perobuse samkiel la fama trompulo, prezentas dekduon da diverstempaj kaj diverstemaj kantaj eroj. Plejparte ŝercaj, ili malkovras originalan vidpunkton de la aŭtoro pri diversaj espaj eventoj. Vi trovos la gajan leterumadon inter LLZ, De Beaufront k.a. famuloj, la petolan LKK-kantikon, ioman kvanton da pricivitaĵoj k.t.p. Por ŝatantoj de rigora historia vero la disko estas malrekomendinda. Por ceteraj ĝi mendeblas rete ĉe <ples@tihvin.spb.ru> aŭ <belov@tihvin.spb.ru>, aŭ poŝte ĉe 187556, Leningradskaja obl., Tiĥvin, p/k 2.




***Viktor Kandalinskij (Tiĥvin)***

## LASTA NUMERO DE "EVENTOJ"!

Grandan parton de niaj celoj en la 11-jara ekzisto de "Eventoj" ni sukcesis realigi, do en la ŝanĝiĝinta mondo la lasta numero de "Eventoj" aperos fine de tiu ĉi jaro 2002. Ĉesos nur la apero de la papera gazeto, ni daŭre funkciigos niajn aliajn servojn kiel la retpoŝta novaĵservo "Ret-Info" kaj "Plena Kalendaro" ktp.

"Eventoj" startis en marto 1992. En tiu tempo Interreto ankoraŭ ne ekzistis (pli ĝuste dirite, estis ankoraŭ en beba lulilo), kaj la informfluo ene de Esperantio estis ege malrapida. Revuoj, gazetoj aperadis en 1-2-3-monataj periodoj, "Heroldo" 3-4-semajne, do la apero de la 2-semajna gazeto estis defio kaj granda unikaĵo. Rapide "Eventoj" iĝis internacie konata kiel "la plej ofta Esperanta gazeto" – kaj iĝis vaste legata en pli ol 60 landoj. Lige al la gazeto ni donis plurajn servojn al la legantoj (E-tiparoj por komputiloj, adres-listoj, memglua reklamstrio, donackuponoj, interretaj servoj ktp.).

Ĉe <http://www.tejo.org/rejm/melodioj.php> troveblas popularaj Esperantaj melodioj por poŝtelefonoj "Nokia", "Ericsson" kaj "Siemens". Vi povas libere uzi ilin kaj aldoni proprajn. ***(tejo-aktuale)***

Ne multaj scias, sed "Eventoj" havis ankaŭ regionajn represajn eldonojn. La landaj asocioj en Litovio kaj en Polio ricevis aŭ poŝte aŭ rete la prespretan originalon, ili multobligis/presis ĝin kaj distribuis kun surloke aldonita nacilingva enlanda suplemento. Tia suplemento ekzistis ankaŭ en Hungario, kiun ricevis nur la hungaraj abonantoj.

La redakciajn laborojn en la 11-jaroj de la ekzisto partoprenis pluraj personoj. Krom la konstanta krom mi oficeja kunlaboranto Istvan Mészáros partoprenis en la redaktoraj laboroj Sándor Hideg, Nikolaj Gudskov, Abduraĥman Junusov, kaj en la lastaj 3 jaroj Axel Ország-Krysz – al kiuj multajn dankojn!

La mondo tamen daŭre ŝanĝiĝas. Nuntempe la informfluo ege rapidiĝis, kaj la uzado de Interreto kaj retpoŝto iĝis ĉiutagaj laboriloj, same kiel papero kaj skribilo. La informfluo en Esperantio iĝis multe pli rapida kaj operativa ol antaŭe, UEA iĝis multe pli malfermita, ĝisnunaj dogmoj kaj baroj falas tagon post tago, kaj la strukturo de komunikado signife ŝanĝiĝis.

La Urba Registaro de Poprad (Slovakio) donis al la parko en centro de Poprad la nomon de la konata esperantisto Milan Zvara, kaj ĝi portos la nomon "Parko de Milan Zvara". Milan Zvara forpasis la 30-an de januaro 2002. Li estis tiam prezidanto de Slovaka Esperanto-Federacio kaj estrarano de Monda Turismo. ***(ret-info)***

La antaŭa rolo de "Eventoj" estas plenumita, kaj ni decidis kun fiero kaj kontento fermi – aŭ almenaŭ suspendi – la 11-jaran periodon de la eldonado. Ni petas do vin anstataŭ "Eventoj" renovigi vian abonon al nia alia oferto, la retpoŝta novaĵservo "ret-info". Pliajn detalojn pri ĝi vi trovos ĉe <http://www.eventoj.hu> aŭ petu ĉe: <oficejo@eventoj.hu>.

Kompreneble la agado de nia Esperanta centro en la Budapeŝta Esperanto-Domo ne haltas, nur la prioritataj laborterenoj ŝanĝiĝas.

***daŭre starante je via servo, László Szilvási, fondinto kaj eldoninto (ret-info)***

## ESPERANTO-GAZETOJ: OFERTO DE "SEZONOJ"

LA ONDO DE ESPERANTO, sendependa internacia revuo; ĉiumonata, 20 paĝoj, senpaga literatura suplemento jarfine; 220 rubloj.

ESPERANTO, organo de UEA; ĉiumonata, 24 paĝoj; 15 eŭroj.

KONTAKTO, socikultura revuo de TEJO, eldonata de UEA; dumonata, 16 paĝoj; 9 eŭroj.

HEROLDO DE ESPERANTO, trisemajna informa gazeto pri la Esperanto-mondo; 4 grandaj paĝoj; 30 eŭroj.

LITERATURA FOIRO, kultura revuo; dumonata, 56 paĝoj; 28 eŭroj.
JUNA AMIKO, revuo por lernejanoj kaj komencantoj; trimonata, 32 paĝoj; 6 eŭroj.
MONATO, internacia magazino sendependa; ĉiumonata, 32 paĝoj; 20 eŭroj.
LA JARO, praktika poŝkalendareto de "Monato"; 160 paĝoj; 5 eŭroj.
LITOVA STELO, organo de Litova E-Asocio; dumonata, 32 paĝoj; 7 eŭroj.

Ni povas peri abonon por aliaj E-gazetoj, sed la listigitaj gazetoj proponas favoran tarifon por Ruslando. Konvertu la eŭran abonprezon al la rubloj laŭ la oficiala kurzo, kaj aldonu 2% por kovri la diferencon inter la oficiala kaj banka vendokurzoj.

La kotizojn pagu al Галина Романовна Горецкая (236039, Калининград, а/я 1248). Moskvanoj povas pagi al Оксана Юрьевна Костоусова (tel. 7587212).

## NOVA LITOVLINGVA LIBRO

Fine de 2002 en Litovujo aperis litovlingva libro de Vitaliano Lamberti pri L.Zamenhof "Vienas balsas visam pasaŭliui" (Uno voĉo por la tuta mondo). La libro estas tradukita el la itala. Amplekso – 448 paĝoj, eldonkvanto – 3000 ekz. La libron eldonis fama kaj prestiĝa eldonejo en Vilnius "Alma Littera". La libro enhavas multajn fotojn. Tiu-ĉi libro estas la unua en litova lingvo pri la aŭtoro de Esperanto.

Necesas mencii pri la historio de apero de tiu-ĉi libro. Per eldono de tiu ĉi libro estis finita projekto de Litova Esperanto-Asocio pri eldono de du libroj, tradukitaj el la itala. En Litovio funkcias tiel nomata Litovia-Italia fondaĵo, kiu estas financata ĉefe de Itala registaro. Antaŭ du jaroj Litova Esperanto-Asocio preparis projekton pri eldono de du libroj, tradukotaj al la litova el la itala kaj petis financadon de la menciita fondaĵo.Temas pri la libro de Umberto Eco "Tobulos kalbos paieskos Europos kulturoje" (La serĉado de perfekta lingvo en Eŭropa kulturo) kaj tiu de Vitaliano Lamberti. La fondaĵo aprobis la projekton, ĝin aprobis ankaŭ la itala ambasadejo en Vilnius kaj ministerio de kulturo de Litovujo. Definitive la projekto estis aprobita ankaŭ fare de ministerio de eksterlandaj aferoj de Litovujo.

La fondaĵo decidis doni 27 262,50 usonajn dolarojn por financi la projekton. La libro de Umberto Eco aperis en 2001 en la solida eldonejo "Baltos lankos" same en 3000 ekz. Ĉar la mono por du libroj estis sufiĉe multa, LEA sukcesis interkonsenti kun la eldonejo "Alma Littera", ke ĝi por la sama mono eldonu ankoraŭ unu libron. Temas pri la lernolibro de Antanas Mekys "Esperanto kalbos vadovelis" (Lernolibro de Esperanto), ĝi aperis pasintjare ankaŭ en 3000 ekz. La kunlaboro kun tiu eldonejo daŭros.

Gratulojn al niaj litovaj samideanoj!

***Renato Corsetti (Italio)***

Je la tria horo matene sonoras la telefono de plumbisto, s-ro Kruko. Vekita el profunda dormo, li malkontente respondas:

– Halo!

– Ho, s-ro Kruko, mi estas d-ro Sasin, via familia kuracisto, – diras la vokinto. – Mi havas teruran problemon: mia necesejkuvo komplete ŝtopiĝis, estas neuzebla.

– Kaj vi vokas je la tria matene!? – faŭkas Kruko.

– Mi estas noktemulo, – klarigas la kuracisto. – Mi petegas, ke vi venu tuj ripari ĝin. Mi pagos ĉion, kion vi postulos!

Fine Kruko konsentas iri por sufiĉe alloga sumo. Alveninte li tuj iras al la problema necesejkuvo, ĵetas en ĝin aspirinon, kaj diras al la kuracisto:

– Jen. Se ĝi ne fartos pli bone ĝis morgaŭ tagmeze, denove voku min, kaj mi venos.

***(esperanto-anekdotoj)***

## PS-2003: 1286 GASTIGANTOJ EL 80 LANDOJ!

Pasporta Servo por 2003 estas finkompilita, kun multaj dankoj al Landaj Organizantoj, gastigantoj kaj aliaj helpantoj. La 8-an de decembro ĉiuj materialoj estis senditaj al la (nova) presisto, kaj ni antaŭvidas, ke la libroj kiel kutime haveblos en februaro.

Ĝi estos la sesa sinsekva eldono, en kiu la nombro da gastigantoj kreskis. En 212 paĝoj troveblos 1286 gastigantoj el 80 landoj, 23 mapoj, 2 anoncoj, 1 alvoko, 2 novaj Landaj Organizantoj kaj multaj tutnovaj desegnoj de Leonora Gonzalez el Meksikio.

En tiu ĉi loko mi volas profunde danki ĉiujn gastigantojn, kiuj pozitive reagis al nia peto libervole rekompenci sian "senpagan" adreslibron. La donacoj, kiujn ni ricevis (kaj ankoraŭ ricevas!) multe helpis al Pasporta Servo. Krome, multaj gastigantoj rezignis pri sia ekzemplero, ŝparante al ni la altajn preso- kaj afrankokostojn.

Ĉiuj informoj, kiujn ni ekde nun ricevos, aperos en la eldono por 2004. Intertempe, depende de la indikita permesonivelo, ŝanĝoj kaj aldonoj aperos en la hejmpaĝo de Pasporta Servo <http://www.esperanto.net/ps>.

***Derk Ederveen (Nederlando)***

---

Ĉu vi neniam pripensis:

kial la suno malheligas la haŭton, sed heligas la harojn?

kial vi neniam vidis en la gazetaro informon: "Aŭguristo gajnis multan monon per loterio"?

kial kuracistoj nomas sian agadon "praktiko"?

kial, por fini laboron en Windows, vi devas premi "Start"?

kial homo, kiu plimultigas vian kapitalon, nomiĝas "detruanto" (broker)?

kial ne ekzistas manĝaĵo por katoj kun gusto de musoj?

kiam aperas nova manĝaĵo por hundoj kun la "nova, plibonigita gusto", kiu ĝin testas?

kial Noa ne mortigis tiujn du gekulojn?

kiucele oni steriligas la injektilon por mortekzekuto?

kial oni ne faras aviadilojn el la sama materialo, el kiu estas farataj la "nigraj kestoj"?

***(esperanto-anekdotoj)***

---

*Jen estas la tria kaj kvara rebusoj, la respondojn vi trovos en la paĝo 52.*






# Mikaelo Bronŝtejn



## Iom da nepublikitaj aĵoj el miaj diversaj tempoj

## 1. Tradukoj

### 1.1. El la folkloro de miaj gentoj :

#### – la jida

* * *

Sinjoroj, sinjoroj,
plej saĝaj en mondo,
jen mia demando
por via respondo:
kiel trinkas teon lia moŝt', la caro,
nia ĉiopova, plej potenca caro?

– Se la caro revetas pri teo,
servistar' en tumulta obeo
tuj bolakvon kun sako da teo
verŝas pinten de l' roko sukera,
kirle kirlas per ora kulero –
jen la teo, ĝuinda, en vero!

Sinjoroj, sinjoroj,
plej saĝaj en mondo,
jen mia demando
por via respondo:
kiel, do, terpomojn manĝas nia caro,
nia ĉiopova, plej potenca caro?

– Se la caro deziras terpomon,
generaloj en grandan kanonon
ŝarĝas tuj la plej grandan terpomon,
el butero muregon masonas,
la terpomon, se l' caro ordonas,
en la buŝon de l' car' elkanonas!

Sinjoroj, sinjoroj,
plej saĝaj en mondo,
jen mia demando
por via respondo:
kiel, do, mielon manĝas nia caro,
nia ĉiopova, plej potenca caro?

– Se la caro deziras mielon,
servistaro alportas abelon
en palacan salonon plej helan,
ĝin sidigas sur nazon de l' caro –
gutas pura miel' sen avaro
el abelo en buŝon de l' caro.

Sinjoroj, sinjoroj,
plej saĝaj en mondo,
jen mia demando
por via respondo:
kiel enlitiĝas lia moŝt', la caro,
Nia ĉiopova kaj majesta caro?

– Se la car', lia moŝto, dormemas,
servistar' kusenegojn altrenas,
kaj ekstaras soldatoj duvice,
kiuj pafas kaj krias malice:
"Ŝtopu faŭkojn, damnata plebaro!
Ja vi aŭdas, ke dormas la caro!"

## – la rusa

### Nokto

Aĥ vi nokto, nokt',
la malluma nokt',
la malluma nokt',
la aŭtuna nokt'.

Kial, vin, la nokt',
kovras la nebul'?
Kial en aŭtun'
tiom mornas vi?

Kie estas, do, nun
via hela lun'?
Kie estas, do, nun
de l' steletoj ar'?

## – la ukraina

### La kristala glaso

Se eksidos ni por noblaj faroj,
se eksidos ni ĉe la barel', –
venu tiam turkoj kaj tataroj, –
ĉio, fratoj, estas bagatel'!

La kristala glaso, randa arĝent' –
drinku, aŭ ne drinku, viv' – moment'.

La arĝenta fundo, glasa kristal' –
drinku aŭ ne drinku – tutegal'!

Jen eksidis ĉe la glas' amikoj:
Petro, Paŭlo, Nikolao mem!
Nur gustumis tiun ĉi brandaĉon –
tuj forgesis ĉiuj pri l' eden'!

Ja ne drinkos brandon vi sub tero,
same mankos kaj bier', kaj vin'.
Nur rezino bolos en infero –
drinku, drinku, fratoj, ĝis la fin'!

Kaj se venos ostulin' malbona,
venos kun falĉilo tien ĉi,
al ŝi diros mi: – Saluton, onjo!
Drinku, mia kara, nun kun ni!

## 1.2. El la poezio de

## – Ivan Franko

### Fablo pri beleco

Aristotel' prudenta Aleksandron edifis,
kaj en caran albumon jenan verson enskribis:
"Pli ol glavo kaj fajro, pli ol arbalesto
sole estas danĝera nur virina beleco.
Nur jardekoj, scienco kaj sobro prudenta
kontraŭ tiu armilo estas ŝildo defenda."

En ĝardeno promenas Aristotel'-saĝulo.
Anjo iras renkonten kun flam' en okulo,
Anjo, kies gracio kaj beleco supera
ravas diojn ĉielajn kaj homojn sur tero.
Sed pro l' vortoj sarkasmaj, pro la sprito tempesta
ĉiuj timis ŝin, eĉ la carino majesta.
La saĝul' ŝin renkontis per nobla sinklino,
amoplenan rigardon ĵetis al belulino,
kaj eldiris: – Ho, Anjo, mi petegas kaj ploras!
Pli ol tutan prudenton sole vin mi adoras!
Se dum horo-hareto vi l' saĝulon amuzos,
vian volon plenumi mi neniam rifuzos!
Anjo kaŝis rideton: – Min plenigas fiero,
ĉar atenton altiris mi, persono mizera,
de l' saĝul'-Aristotel', kies cerbo-giganto
konas ĉion kaj estas vera glor' de Greklando.
Via estos mi! Kion vi deziras – postulu!
Sed antaŭe plenumu mian peton, saĝulo:
... En ĉi tiu ĝardeno laŭ vojeto serpenta

iom rajdi deziras mi sur dorso prudenta.
“Tute stranga kaprico, – Aristotel’ konfesis, –
tamen, devas plenumi, se mi tion promesis...”
Kaj ekrampis li, veston demetinte sub pino.
Per tuketo okulojn liajn ŝirmis la ino,
kaj per vergo lin pelas, eksidinte sur spino.
Tiel ili rajdadis ĝis la placo ĝardena,
kie apud lageto en la ombro serena
Aleksandro ripozis kun la tuta eskorto.
Kantoj sonis ĉi tie, ankaŭ lira akordo.
Anjo krias kun rido: – Kuru mia azeno!
Minuteto nur restis antaŭ nia alveno!
Al piedoj de l’ caro aĉulin’ sen rimorso
lin alpelis kaj saltis vigle de-sur la dorso,
kaj tuketon rapide ŝiris for de l’ okuloj...
La ridegon similan ne memoras olduloj...
Aristotel’ prudenta Aleksandron edifis
kaj en caran albumon jenan verson enskribis:
“Pli danĝera ol glavo, eĉ pli ol arbalesto
estas sola armilo – la virina beleco.
Nek scienco, nek jaroj, nek profundo prudenta
kontraŭ ĝi povas esti firma ŝildo defenda.
Mem mi tion ekspertis. Nur mortinta aŭ blinda
kontraŭ ĝi povas esti rezistanto fidinda.”

***1881***

## – Jevgenij Baratinskij

* * *

Foje urbon fantazian
formas nuboj dum la flugo,
sed momenta blovo venta
ŝiras ĉion al lanugo.

Same – pensoj delikataj
de l’ poeta rev’ fluganta
malaperas tuj senspure
pro la spir’ de fremdo vanta.

***1829***

## – Fjodor Tjutĉev

### La lasta amo

Ni tiel amas en maljun’ –
pli superstiĉe kaj pli tenere...
Vi brilu, adiaŭa sun’
de lasta amo, aŭror’ vespera!

Duonĉielo – sub ombra lag',
nur jen – okcidente vagas brilo.
Atendu, atendu, vespera tag'!
Plu daŭru via ĉarma trankvilo.

La sango fridas en vejnoj jam,
sed restas en la kor' tenero...
Ho vi, la lasta mia am'!
Vi estas ĝuo kaj senespero.

***1852-1854***

## – Osip Mandelŝtam

* * *

Neesprimeblas la angor',
okulojn grandajn malferminta, –
vekiĝis la florvazo tinta
kaj sian lumon plaŭdis for.

La ĉambro plenas je arom'
de l' tristo – dolĉa kuracilo!
Ensorbis tiom da trankvilo
la eta regno – mia dom'.

Iom da maja sunavid',
iom el densaj ruĝaj vinoj,
kaj la blankec' de l' mincaj fingroj,
rompanta l' mincon de biskvit'.

***1916***

## – Iosif Brodskij

* * *

*Pli helis ol ĉi kruroj noktĉiel',*
*senpova fandi sin kun la malhel'*

Ĉi-nokte apud lignofajra rond'
al ni aperis nigre la stalon'.
Nenion mi memoras nigran pli.
La krurojn, kvazaŭ karbojn havis li.
Li nigris, kiel fundo, kiel nokt'.
Li nigris de l' kolharoj ĝis la vost'.
Aliel nigra estis la malhel'
de l' dors', neniam inta sub la sel'.
Senmovis li en dorm', nenionfar'.
Timigis nigro de lia hufar'.
Li nigris, do, ne sentis ombrojn li.
Li nigris, kaj ne eblis nigri pli.
Li nigris, kvazaŭ la meznokta morn'.
Li nigris, kvazaŭ sino de la dorn'.
Li nigris, kvazaŭ ombro de arbust',

kvazaŭ la loko ene, en la brust',
kvazaŭ kaveto, kie kuŝas gren'.
Mi opinias: nigras nia en'.
Sed ja li plu nigriĝis en la morn'!
Horloĝe restis nur meznokta hor'.
Ne proksimiĝis li, kvazaŭ en sven'.
Senfunda morno regis en ingven'.
La dors' jam malaperis en nebul'.
Ne restis hela eĉ unu makul'.
Kaj blankis, kvazaŭ klak', okula bril'.
Eĉ pli terura estis la pupil'.
Kvazaŭ li estus ies negativ'.
Kial, ĉesinta l' kuron en la viv',
li inter ni restadis ĝis aŭror'?
Kial de l' fajro li ne iris for?
Kial aeron nigran spiris li?
Kial per branĉoj plu susuris li?
Por kio – el okuloj nigra kri'?

Rajdanton serĉis li el inter ni.

***1962***

## – Robert Roĵdestvenskij

### Unu el ni

Jen li por,
jen li por
trinko, manĝo,
dorm', labor',
por disiĝo
aŭ amor' –
kraĉas li
kaj ree – por.
Jen li por,
jen li por
ĉion perdi
el memor',
por atendi,
poste – por
tien-reen:
dom', labor'.
Vintro venas –
neĝa vest',
sed malplenas
la poŝtkest'.
Jen li por
oldiĝ', sopir',
razo, ĉespegula mir',
por sengasta

tag' post tag',
por senŝuldo,
senrepag',
por malŝato
al kinej',
por spektad'
el propra hejm':
trans fenestro
hunda lud' –
interese ja,
en tut'.
Jen li por,
jen li por
la tapiŝo –
flor' al flor' –
de la muro
ĝis la mur'
pura lano
kaj velur'.
Dio mia –
kia bel'!
... Pasintvintre
en malhel'
sen malsano,
sen dolor'
falis, mortis,
pasis for.
Tintis la
ĉeporda son':
jen duopo
kun la kron' –
memoraĵo sindikata
pri la vivo
griza, glata
sub ĉiela
griza strio...
Jen li por,
sed li – por kio?

## – Ovsej Driz

### Kio kie sin kaŝas

Arbo radikojn tenas en ter',
en varma cindro sin kaŝas fajrer'.
En arbotrunko sidas mustel'.
Kreskas kokido en blanka ovŝel'.
Perlo – en konko. Fiŝ' – en akvuj'...
Nur la stulteco videblas tuj!

### – Samuil Marŝak

**Dormemo kaj oscedo**

Pilgrimis laŭ vojeto
Dormemo kaj oscedo.
Dormemo l' nazon ŝovis
al ĉiu fenestreto,
penetris pordofendojn,
kaj tubojn de l' fajruj'
por diri al infanoj:
Nu, enlitiĝu tuj!

Oscedo diris: – Kiu
tuj-tuj en liton iros, –
al tiu mi, Oscedo,
nur "Bonan nokton!" diros.
Kaj vi post la admono
ne enlitiĝu, sed –
vin kaptos laŭ ordono
osced', osced', osced'...

# 2. Poemoj kaj kantoj originalaj

* * *

Riga!
Vi – severa kaj simpla
ŝtona penso.
Riga!
En nebulo de l' sonĝoj
vi aperas.
Rajdas
foren miaj aŭtunoj kaj printempoj.
Ravas,
ĉiam ravas vi min
kaj tentas,
Riga!

Riga!
El la urboj plej loga
kaj tenera,
regu
rememorojn pri l' temp' juneca,
kie
min karesis bonkoro strata,
kie
iam estis amanta kaj amata...
Riga!

***1967***

## Al Ludmila Jevsejeva – por jubileo

En versoj por infana lud'
necesas ĉiam la aludo,
por ke ne estu vivostud'
enua kaj komplika ludo.
Vi faras tion kun fervor',
kun bonanimo ĉiupaŝa.
Kaj restas en infana kor'
prudenta gaj' de l' versa paĝo.
Do, vivu longe sen amar',
kaj ĉiutage verku versojn.
Plu portos via versvelar'
infanojn en la Universojn.

***1973***

## Komencanto

*"Komenco bona – laboro duona" (proverbo)*

Al mi diris instruisto
dum unua leciono,
ke komenco kun persisto
estas jam laborduono.
Ankaŭ mi l' komencon ĝuis:
plimultiĝu noblaj faroj!
... Kaj post tiam, do, forfluis
kvin sufiĉe longaj jaroj.
Mi fariĝis veterano,
venas mi al SEJT sen tremo.
Ĉiu SEJM-komitatano
min salutas per manpremo!
Noktaj dancoj, sunaj tagoj,
kaj amoro, kaj aromo –
ĉi ripozo por mi taŭgas
pli ol aĉa ripozdomo.
Bone estas mi konata
pro l' posteno tre utila:
Ĉiam ĉefa kandidato
por "Sinjoro Krokodilo".
Ĉu vi min kritikas, bubo?
Ĉesu, do, l' aŭdacan grumblon!
Mi al mia kara klubo
ĉiujare pagas rublon.
Do atentu l' "Proverbaron"
de la majstro Zamenhof:
Mi komencis – jen duono.
Kaj la dua – ĉe bontrov'!

***1975, Kievo***

## Prapatro via

Prapatro via en praarbaro
preparis ŝtonon.
Prapatro mia preparis saman
kaj eĉ pli bonan.
Kaj ĉiu kredis, ke ŝtono lia
lin bone gardos kontraŭ ŝton' alia.

Kaj via avo en la kastelo
preparis glavon.
Aperis glavo, kaj eĉ pli bela
ĉe mia avo.
Kaj ĉiu kredis, ke sankta ŝtalo
lin bone helpos por alies falo.

Kaj via patro en la kazerno
la plumbon gisis.
Ankaŭ la mia dum preĝa sterno
la kuglon kisis.
Kaj ĉiu kredis, ke la pistolo –
jen la simbolo de plej bona volo.

Nun vi preparis kruelan bombon,
la bombon pian.
Do, – kion fari? – Mi reciproke
preparis tian.
Ĉu vi komprenas, ke mi komprenas,
kio okazos, se ni la bombojn prenos?!

La prapatrinoj en praarbaro
lamente jelpis.
Kaj la avinoj lamente ploris,
ĉar glav' ne helpis...
Degelos ŝtonoj kaj fandiĝos glavoj,
se iros ni la vojon de l' praavoj...

***1977***

* * *

Se aperus mia strof'
sen peko, –
venus mi al filozof'
Seneko
por demandi homon ĉi
prudentan,
kiel vidu amon mi
latentan.

Elokventaj amoj jen –

la val' da...
ludas, lulas, logas en
kaj baldaŭ!
Sed ne indas paŝi al
la logo,
ĉar dubindas tiu val' –
mensogo.

Kaŝa am' evitas eĉ
rigardi.
Emas ene tiu meĉ'
Ekardi.
En la fundo de okul-
paroj
estingiĝas tiu brul'
post jaroj.

Do, turmentas vore min
La penso:
Ĉu senteblas la destin'
en menso?
Ĉu ekzistas la diven-
sperto?
Por kompreni – jen ŝi, jen –
kun certo.

Dirus, do, la prudentul':
– Mi certas,
ke pri tio eĉ spertul'
malspertas.
Vi ne skrapu nukon mis-
komprene,
sed amoron ĝuu ĝis-
matene.
Kaj pri la kaŝita brul-
trovo
enpensiĝu mi, oldul' –
sen povo.

***1979***

## Saluton, Varsovio!

Sur arboj adoleskaj
maturas foliar',
kaj levas juna vent'
la flagojn en fiero –
ja ŝutis por moment'
al griza strata mar'
la verdajn stelojn nia

abundkolora Tero.

Kaj vere Varsovio
en la verdstela kron'
festenas kun legio
de l' tuta vasta mond',
kaj floras Varsovio
sub la julia sun', –
centjara nia vivo, –
jen aĝo de la jun'!

Aĥ, *pani* Varsovio,
komunas la destin':
salutas verda gent'
vin kiel panjon ame.
Milita flamtorent'
ne forbruligis nin –
do, samas vi, la urbo,
kaj la lingvo sonas same.

***julio, 1987***

## Ĉetabla kanto

*(Muziko de E.Puĥova)*

Ekstaru, amikoj, por glasa ektinto –
saluton denove!
La jaron lacigan akceptis pasinto –
saluton denove!
Kaj venis finfine la hor' sopirata –
saluton denove!
Tintigu la glasojn en rondo gefrata
kaj trinku je bona hor'!

Do, venis la tempo nia
por ĝoja tostad' feria.
Glasoj enronde
tintu tutmonde
je nia bona hor'!
Ja, kiam sopiras ni, do,
ni revas pri tiu rido,
pri tiu nuno,
pri nia kuno
tiom da tagoj for!

Ni levu la glasojn, ja vokas al flug' la –
en rondo amika –
bonega ĉampano kaj ŝaŭma kaj glugla –
en rondo amika –
la tostajn parolojn plenigu enhavo –
en rondo amika –

por sano kaj bono, por ĝuo kaj ravo
ni trinku je bona hor'!

***1994***

## Nu, ĝis...

Sen sun'
nur morn',
nur dorn'
post dorn'.
Nur vort'
en mis'...
Ne sort' –
do, ĝis!

Ĝis, mia kara, ĝis!
Ĝis eksopiro, ĝis!
Ĝis rekompreno,
ĝis la reveno,
ĝis la revido...
Nu, ĝis!

Ĉu dolĉ',
vinber'
por ni liber'
en for',
en dis',
sen kun',
sen kis'?

Ĝis, mia kara, ĝis!
Ĝis la revido, ĝis!
Ĝis finatendo,
ĝis la retento,
ĝis la reamo...
Nu, ĝis!

Kaj ĝis
konsent' –
ĉu tag',
ĉu cent...
Ĝis ni
en mut',
ĝis kri':
– Salut'!

Ĝis, mia kara, ĝis!
Ĝis la reamo, ĝis!
Ĝis kor' al koro,

ĝis korp' al korpo,
ĝis fajr' al fajro...
Nu, ĝis!

***jul. 2001***

## Mebla "Ciganoĉka"

Tridek jarojn elvivis
mi sen fiksa ide',
fordrinkadis facile
ĉiun svagan dolaron...
Eksopiris l' edzino
liberigi min de
la kelkcento ŝparita –
mi aĉetas meblaron.

Ja sufiĉis nur benko,
ankaŭ lama bufed'
por amikaj babiloj,
drinkoj, pekoj kaj preĝoj!..
Eble same naiva
povus resti mi, sed
vokis min la epoko
de kanapoj kaj seĝoj.

Gaje flugas la tagoj
en vendeja tumult',
kun insida atenco
superkraĉi l' najbaron.
Mia mebloavido
jam proksimas al kult':
pli ol vodkon mi ŝatas
aĉetatan meblaron.

Estu ĉiu objekto
de la viva rutin'
adorata anime
kaj tutkore amebla!
Mi ekkantas sincere:
– Vivo, amas mi vin!
Kaj bonigi vin volas
per la hejmo plenmebla.

Nun kutima edzino
inter mebla eden'
jam ne plu harmonias, –
reliefas la mankoj!
Kaj barbozan muzelon
abomenas mi en

poluritaj surfacoj
de speguloj kaj ŝrankoj.

En kaduka kontento
pasos jaro post jar'.
Kaj elfulmos la sorto
Lastan frapon konsterne, –
Sed mia pigra animo
kun pormebla gitar'
kuŝos plu sur kanapo.
Do, mi vivos eterne!

***mar. 2002***

## Vivoj – ĉevaletoj

Trotas, trotas niaj vivoj-ĉevaletoj
laŭ la vojo kavoplena kaj ŝtonoza.
Tintas , tintas plore-ĝoje tintiletoj –
ĉiustumble venas tinto kaj retint'.
Ne plu emas ĉevaletoj ekgalopi, –
pli konvenas nun por ili trot' ripoza,
tamen paŝas ili, paŝas plu, kaj stopi
ilin povis ja nenio en estint'.

En la seloj sidas ni pli-malpli dece,
penas teni la staturon laŭjunule,
kaj frandaĵojn enbuŝigas po etpece
ĉiu el ni al trotanta ĉevalet'.
Kaj apude prancon provas la gefiloj,
jam kun ni ne volas troti – ĉar enue!
Ni kontentas, ĉar ja estis ni similaj
en junaĝa nia fora prancopret'.

Se ekblovos supervoje temp' malica,
se ekbaŭmos ĉevaletoj kontraŭstare, –
eble feblos mi, do, estos mi la vica,
kiun vent' faligos al la tera sin'.
Rajdu plu sen min priplori, samvojantoj,
kantu plu feliĉe, ĝoje, senamare,
kaj en hela vok' de niaj oraj kantoj
ankaŭ mia voĉ' fidele sekvos vin.

***aŭg. 2002***

## Okazo dum la censo

Verda stelo iom palas.
Censo daŭras. Neĝo falas.
Do, registru en la listo:
Estas mi esperantisto!

Fraŭlineto – registranto
Milde pepas: “Jen demando:
Kie skribi en la listo:
“Estas li esperantisto!”?”

Fraŭlineto, mi kun deco
Ĵuras pri l’ civitaneco!
Skribu, kara, sen persisto:
“Civitan’ – esperantisto!”

Poste pensas mi kun peno
Pri la etna aparteno,
Kaj registras kun insisto:
“Naciec’ – esperantisto!”

Vica punkto simpatia –
Pri l’ gepatra lingvo mia.
Ja videblas eĉ el disto:
Estas mi esperantisto!

Sekvas punktoj tute glataj
Pri la lingvoj posedataj.
Skribu, skribu vi sen tristo:
“Estas li esperantisto!”

En la list’ demandoj multas...
Tiu censo plene stultas!
Skribu ĉie en la listo:
“Estas li esperantisto!”

La fraŭlinjo jam sen miro
Serĉas vojon por eliro.
De – post pord’ aŭdeblas moto:
“Ja li estas idioto!”
***okt. 2002***

## Por muzikalo “La eta Muk’”

### Flava polvo

En la flava polvo
bluas la ĉielo,
kvazaŭ nova pelvo.
Sub ĉielo vasta
bluas la kupoloj –
gloraj maŭzoleoj.
Ĉe la vojkomenco
bluas pantalono –

kudris ĝin la panjo.

Bluas la ĉielo,
bluas la kupoloj,
bluas pantalono
en la flava polvo.

Laŭ la voj' dezerta
ŝaho kun veziroj
rajdas sur ĉevaloj.
Tretas tiun vojon
ĉaroj kaj kameloj –
paŝas karavanoj.
Ŝatas tiun vojon
ankaŭ la pantofloj –
ilin donis panjo.

Rajdas la ĉevaloj,
paŝas la kameloj,
kuras la pantofloj
en la flava polvo.

Havas glora ŝaho
oron kaj arĝenton
en moneroj tintaj.
Havas negocistoj
silkon kaj kiŝmiŝon
en tapiŝaj sakoj.
Estas akvo pura
kaj panpeco seka
en saketo mia.

La moneroj tintaj,
la tapiŝaj sakoj,
la saketo mia –
en la flava polvo.

Rajdas al palaco
ŝaho kaj veziroj
laŭ la voj'-fadeno.
Paŝas al bazaro
riĉaj negocistoj
laŭ la voj'-fadeno.
Kuras al miraklo
pantoflaĉoj miaj
laŭ la voj'-fabelo.

Vojo – la fadeno,
vojo – la fabelo,

vojo – la miraklo
en la flava polvo.
***jan. 1990***

# El "Vojaĝo al IF"

## Stenjka Razin

Tio povus okazi
nur post kvina pokalo!
Kantas mi "Stenjka-n Razin"
en krepusko de l' halo.
Levas voĉon libere
super rond' aŭskultanta,
kaj ekflugas etere
tiu plendo glorkanta.
Pacan Knajpo-publikon
Volga-ondoj atakas.
Al mi ŝajnas, ke mi kun
kozakaro kozakas,
ke la persa princino
min amore karesis,
ke en nokta senfino
mi ja ĉion forgesis,
ke l' kozakoj-kompanoj
nun min moke blasfemas,
ke l' persin' en la manoj
antaŭsente ektremas...
Mia voĉ' ekdubetas,
ĉasas plian koktelon, –
mi en Volgon ne ĵetus
amatinon, la belan.
Sed post dozo da vino
pretas agi fatale.
– Eĥ, adiaŭ, persino!-
mi ekblekas finale
pri la amo ensorba,
pri libero ekkria...
Kion ŝatus mi sobra,
tion kantas ebria.

## Neĝo en Lutherstadt

Ho, nobla Martin Luther, – pardonu,
la benon, ne la punon nun donu
al tiu gaja aro plenaĝa,
kvazaŭ infanamaso malsaĝa
ĵetanta neĝobulojn trans tempo

ĉe via monumento kaj templo.

Ho, glora Martin Luther, ĉu preĝis
Vi, kaj ĉe la vespero ekneĝis!
La rara neĝo estas donac' al
venintoj foraj kaj nekonataj,
ludantaj en la falo lanuga –
en vivo nia, kurta, sed nuna.

Kaj mi, seneklezia profano,
eksentas kvazaŭ tuŝon de l' mano,
benanta nin por ĝuo kaj ludo.
En la Novjara festa apudo
l' feliĉa buŝ' eligas balbute
la dankon por vi, ho, Martin Luther!

***2001-2002***

# El la muzikalo "La Eta Princo"

## La Reĝo

Mi estas via bona reĝ' –
Aliru, la regato!
Ne rajtas vi oscedi eĉ
pro mia reĝa stato.

Aĥ, Via moŝt', pardonu, sed
oscedis mi pro laco...
Do, mi ordonas pri l' osced':
Oscedu plu en paco!

Permesu ke sidiĝu mi –
Ne dormis mi ĝis sato...
Do, mi ordonas pri l' sidiĝ':
Sidiĝu, la regato!

Ordonas mi, prudenta reĝ',
Ne stulte, sed racie,
kaj dank' al tiu bona leĝ'
ordon' validas ĉie.

Sed kion havas Via moŝt'
por via reĝa gvido?
Mi regas ĉion, kio nur
aperas en la vido.

Sed ĉu obeas ĉio ĉi
l' ordonon vian reĝan?
Obeas, jes, ĉar ankaŭ mi

obeas mian leĝon!

**Kanto de la Vulpo**

Mia knabo, se vi zorgas pri la sola flor',
Restos ŝi la plej amata ĉiam en memor'.
Belas rozoj en ĝardeno, – kaj eĉ multe pli, –
sed al sola via floro plu sopiros vi.

La vulpeto ordinara inter vulpoj mil
Estos nun por vi plej kara unusola mi.
Ni ploretos ĉe l' disiĝo, tamen, en uni'
plej proksimaj per animoj ĉiam restos ni.

Mia knabo, dum la vojo en la rava mond'
multas miloj da mirakloj por la vagabond'.
Provu vidi per la koro preter iluzi' –
la plej gravan per okuloj ne rimarkas vi.

---

La 15-an de decembro 2002 en Sankt-Peterburgo geedziĝis Julija Vasiljevna Litvinova kaj Ilja Bjorn Sven De Coster. Jen kiel ili mem priskribis la eventon:

*Ni unu al la alia diris "jes".*
*Per ĉi mesaĝo ni diskrias al la mondo:*
*"mi" iĝis "ni"...*
*Ŝi ringis lin,*
*Li ringis ŝin,*
*Julinka kaj Ilja geedziĝis.*



---

*La respondoj al la rebusoj en la paĝoj 5, 13 kaj 32 estas: aktivuloj, Esperanto, eniro, REU. La superflua vorto estas substrekita.*

# AJNA DISTRO: AMUZAJ MISSKRIBOJ

Jen estas kelkaj amuzaj eraroj, trovitaj dum legado de diversaj E-tekstoj, plejparte – artikoloj kaj informoj, senditaj por REGo: aŭstultu *(anst. aŭskultu);* Belfio *(anst. Belgio);* E-mavado *(anst. E-movado);* karakreto *(anst. karaktero);* kolsuntaj rilatoj kun Unesko *(anst. konsultaj);* "Literatrua klubo" *(anst. Literatura);* majora lingvo *(anst. maoria);* memciindas *(anst. menciindas);* nia estradano pri informado Andrej Grigorjevskij *(anst. estrarano);* Odincoco *(anst. Odincovo);* REU-estararo *(anst. estraro);* rusonoj *(anst. rusinoj);* substerkitaj vortoj *(anst. substrekitaj);* transamaraj gastoj *(anst. transmaraj);* Trista *(anst. Turista);* urbopatroj *(anst. urbopartoj);* vinbieraj ĝardenoj *(anst. vinberaj).*

---

# ENIGMOJ.

*La solvojn necesas sendi dum 2 semajnoj post ricevo de la gazeto al Tatjana Auderskaja rete (<zoo@te.net.ua>, <verda99@mail.ru>) aŭ poŝte (Ukrainio, 65026 Odessa-26, p/k 71).*

## ANAGRAMOJ

Ĉi-kaze ni donas plenajn anagramojn, t.e. el vorto vi faru alian vorton per alivicigo de la literoj.

ABSINTULO, SAVULO, LEĜANO, ANSO , AMORO, TARO, ARTOJ .

## ELIMINADO

Oni devas trovi tri 6-literajn radikojn; en la respektivaj listoj ĉiu radiko havas tiom da komunaj literoj kun la serĉata, kiom indikas la apuda cifero.

1) SEMAJN (1), PARKEJ (4), KASTEL (2), SOCIAL (3), PIGRUL (3), ERINAC (3)

2) PARDON (2), PERSON (5), TERPOM (4), EBRIUL (1)

3) HELIUM (1), KLIMAT (4), TANDEM (2), MENISK (2), SEKTAN (4)

***preparis Tatjana Auderskaja (Odeso)***

***La solvoj de la enigmoj en REGo № 5(12)***

**PROVERBOJ**

Ne ĉio batas, kio tondras .
Unua paŝo iron direktas.
Eliris ridante, revenos plorante.
Kiu rabi eliras, ofte nuda revenas.
En propra angulo ĉiu estas fortulo

**…+ n LITEROJ…**

TERO-ETERO-VETERO
VINO-AVINO-RAVINO
PIRO-SPIRO-ASPIRO
GENUO
AVENO-HAVENO
KANO-SKANO

**PERDITAJ FINAĴOJ**

B,F,G,K,V - ARBO aŭ ESTO
P,R,T,V - OSTO
F,K,P – ULMO
KOM, Ŝ - ERCO
DI, KOT, ST, T, VIB - URNO
FEN, ORK, SEM - ESTRO
B, SK - URĜO
KL, R – OSTRO

---

## UTILAJ ADRESOJ

**REU:** p/k 57, 105318 Moskvo; retadreso <esperanto@au.ru>; ttt-ejo <http://www.reu.newmail.ru>.

**Libroservo de REU:** p/k 4716, 432063 Uljanovsk; retadreso <yuka@vens.ru>; plena katalogo <http://reu.da.ru/rus/katalogo.htm>.

**REJM:** str.Dugina 17 – 62, 140180 Ĵukovskij, Moskva reg.; retadreso <rejm@euro.ru>; ttt-ejo <www.tejo.org/rejm>.

**UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; retadreso <uea@uea.org>; ttt-ejo <http://www.uea.org>.



# FELIĈAN NOVAN JARON DEZIRAS AL VI REGo!

## EN 2003 RESTU KUN ESPERANTO!

**REGo** (Rusia Esperanto-Gazeto) ***№ 6 (13) decembro 2002***

***komuna eldono de REU kaj REJM***

*redaktas* Garik Kokolija *retadreso* <gazeto@mail.ru>

*poŝta adreso* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105, 125310 Moskvo, Rusio

*por tiu ĉi numero kunlaboris* Viktor Aroloviĉ

*la gazeto estas produktita en la presejo* "Policvet" (Klin)

***abontarifoj por 2003:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 120 rubloj sendendaj al:*
Георгий Владимирович Коколия, Пятницкое шоссе 45 – 105, 125310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 15 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*